8ª Jaro — Februaro 1911 — Nº 86ª

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo

de la

Internacia **SCIENCA ASOCIO** Esperantista

Eldonata kun alta patronado de : *Doktoro* L. L. ZAMENHOF, aŭtoro de la lingvo *Esperanto*; FRANCA SOCIETO ASTRONOMIA ; FRANCA SOCIETO DE FIZIKO ; INTERNACIA SOCIETO DE ELEKTRISTOJ ; *Profesoroj* : † ADELSKÖLD, APPELL, D'ARSONVAL, BAUDOIN DE COURTENAY, †BECQUEREL, †BERTHELOT, Princo Rolando BONAPARTE, BOUCHARD, DESLANDRES, FLOURNOY, FÖRSTER, HALLER, † William JAMES, MOURLON, Henriko POINCARÉ, Generalo SEBERT J. J. THOMSON & diverslandaj scienculoj.

## ENHAVO





1911

H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)

(*elparolu : talvicer, kečenbroda*)

*BRITUJO.* « Brita Esperantista Asocio » (Museum station Buildings, 133-6 High Holborn), London W. C. — *DANUJO.* A.-F. Host & Son, Kjöbenhavn. — *FRANCUJO.* G. Warnier & Cie, (15, rue Montmartre) Paris. — *HISPANUJO.* J. Espasa, Barcelona. — *HUNGARUJO.* Lajos, Kokai (IV karoly-ucta, 1), Budapest. — *ITALUJO.* Raffaello Giusti, Livorno. — *JAPANUJO.* M. Hikosaka, 33, Abekawamachi, Asakusa, Tokio. — *RUSUJO.* Librejo « Esperanto », (Tverskaja, 28) Moskva. — *RUSA POLUJO.* M. Arct. Varsovio *TURKUJO,* J. Guéron (Lernejo : *Alliance Israélite*), Aïdin.

**Jara abono :** 2 ₷ 750 s. — **Unu numero :** 250 s.

Ni akceptas & rekomendas pagojn per la Ĉekbanko Esperantista, London S. W.

*Bonvolu represi*

# Aldono al teorio de Antido.

## Pri la signifo de finaĵo « o » en Esperanto

Mi difinis la sencon de la gramatikaj finaĵoj per la egaloj : *o* = *ul* aŭ *aĵ* (materia aŭ abstrakta), *a* = *ec* (= *kvalit*) kaj *i* = *ad* (= *ag*) t.e. « fari agon » Tio ne signifas ke finaĵo *o* havas plurajn sencojn, ĉar *ul* kaj *aĵ* ne estas sencoj sed « subdividoj » de *o*. Mi deziras do aldoni ke **la finaĵo o en si mem havas nur unu sencon,** nome la « substantivan ideon » : *o* = *kio estas, ekzistas.* Tiu difino estis donita de Zamenhof mem en la Fundamenta Krestomatio (p. 248).

Je tiu rimarko S^ro Couturat argumentis : « Se *o* = *kio estas,* tio pravigas la sistemon de Ido, ĉar ekzemple *grando* = *kio estas grand* = *homo (objekto) grand* ». Al tio mi respondas, ke la senco de la vorto *grando* (kiel ankaŭ tiu de iu ajn Esp. vorto) restas duba ĝis kiam ĝia radiko estos klasita, kiel substantiva, verba aŭ adjektiva.

Ekzemple *skribo* ne signifas *kio estas skrib* sed *kio estas ag* (speco *skrib*) = *ago skrib*, ĉar tuj kiam oni klasas radikon *skrib* inter la verbaj radikoj, oni definitive alligas al tiu radiko la ĝeneralan verban ideon *ag*, kaj tiam ideo *skrib* estas nur « speciala kazo de la ideo *ag* ». Simile *bros-o* ne signifas simple *kio estas bros* : se radiko *bros* estas klasita kiel substantiva (grupo *aĵ*), tiam ĝi estas nur speciala kazo de *aĵ* kaj *bros-o* = *kio estas aĵ (bros)* = *aĵo bros;* se kontraŭe *bros* estas klasita inter la verbaj radikoj, tiam *bros* estas speciala kazo de *ag*, kaj *bros-o* = *kio estas ag (bros)* = *ago bros.*

Tute same *grand-o* ne estas simple *kio estas grand,* sed, ĉar radiko *grand* estas klasita kiel adjektiva, ĝi estas nur speciala kazo de la ideo adjektiva *ec*, do *grand-o* = *kio estas*

*ec (grand)* = *eco grand*. La ideo *ec* (F. *qual*) estas entenata en radiko *bon* same kiel ideo *Franc* estas entenata en la urbnomo *Lyon*. Se oni komparas :

| | | |
|---|---|---|
| *bon-o* | *bon-té* | *Lyonn-ais* |
| *(ec)* | *(qual)* | *(Franc)* |

oni vidas ke *bon-o* = *ec-o* « *bon* » (aŭ *bon-té* = *qual-ité* « *bon* ») same kiel *Lyonn-ais* = *Franç-ais* « *de Lyon* ». Do la argumento de S^ro^ Couturat pruvas nur la neceson de la klasado de la radikoj [1].

La ĉi supra metodo estas aplikebla al iu ajn vorto Esperanta, ekzemple *kiras-ul-o, trink-ul-o, grand-ul-o* signifas : « kio estas — person karakterizata (ne simple per *kiras, trink* aŭ *grand* sed) per *aj (kiras), ag (trink)* aŭ *ec (grand)*.

Restas nur la demando : ĉu radiko *grand* estas devige adjektiva ? Nu, ĝi certe ne estas verba. Ĝi ankaŭ ne povas esti substantiva, ĉar se oni klasus ĝin inter la substantivoj (grupo *ul*), tiam ĝi definitive enhavus en si mem la ideon *ul*, kaj oni havus ne nur *grand-o* = *kio estas ul (grand)* = *ulo (grand)* sed ankaŭ *grand-a* = *grand-(ul)-a* (pro la nevariebleco de la radikoj) kaj tio estas netolerebla ĉar *granda tablo* ne estas *grandula tablo*.

La sola akceptebla solvo estas do *grand-o* = *grand-(ec)-o*, kiu signifas : 1^e^ ke radiko *grand* estas adjektiva aŭ enhavas en si mem la ideon *ec*; 2^e^ ke *grando* estas nek « persono », nek « materiaĵo » sed « abstraktaĵo » ; 3^e^ ke S^ro^ Couturat ne komprenis la Esperantan sistemon de vortkonstruo kiam li pretendis reformi ĝin.

Antido.

---

[1] La ideo *a* aŭ *ec* = F. *qual* aŭ *qualitatif*; do *ec-o* = F. *ce qui est* « *qual* » = *qual-ité*; ekzemple : *la qualité de cette étoffe est mauvaise* signifas : *ce qui est* « *qual* », *ce qui est qualitatif*, *ce qui est* « *adjectif* » *dans cette étoffe est mauvais*. Simile *ag-o* = *ce qui est* « *act* » = *action*; ekzemple : *l'action de cette machine est régulière* signifas : *ce qui est* « *act* », *ce qui est agir*, *ce qui est* « *verbal* » *dans cette machine est régulier*. Oni vidas ke : F. *qual* = E. *ec*, F. *act* = E. *ag* kaj F. *ité* aŭ *ion* = E. *o* = « kio estas ». Tio ne signifas tamen ke speciala ideo kiel *bon-té* = *ce qui est bon*, ĉar ankaŭ en la naturaj lingvoj la radikoj havas gramatikan karakteron; do F. *bon* estas nur speciala kazo de la ĝenerala adjektiva ideo *qual*, sekve *bon-té* = *ce qui est qual* (espèce particulière *bon*) = *qualité* « *bon* », ĉar *ce qui est qual* = *qual-ité*.

8a Jaro Februaro 1911 No 86a

# Internacia Scienca Revuo

OFICIALA MONATA ORGANO

DE LA

Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

*Direktoro :* Dro René de SAUSSURE

*Ĉef-Redaktoro :* Dro Fr. THALWITZER

Eldonejo : H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.).

*Manuskriptojn, gazetojn, librojn & interŝanĝojn, oni sendu al « Internacia Scienca Revuo », Kötzschenbroda-Dresden (German.).*

## RAPORTO

**starigita de la Scienca kaj Teknika Komisio de la Scienca Asocio Esperantista.**

### Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj.

(*sekvo kaj fino*)

B. — *a*) La nomoj de la geografiaj ioj, kiuj troviĝas en loko, kie estas uzata nur unu natura lingvo, sed kiuj estas konataj kaj nomataj en aliaj plimalpli multenombraj naturaj lingvoj : (Ĉefurboj, nacioj, k.t.p.).

*b*) La nomoj de la personoj konataj kaj nomataj en kelkaj aliaj nacioj ol tiu, al kiu ili apartenas — aŭ apartenis, ĉar la nacio eble ne plu ekzistas kaj eĉ ĝia lingvo ne plu estas uzata — (Ĉiuj antikvaj aŭ historiaj nomoj, antaŭnomoj, nomoj de famaj nunaj personoj, k.t.p.).

Por la nomoj el tiuj kategorioj, la naturo de la elementoj de la problemo, kiujn ni ricevos, dependos de la farmaniero de la naciaj lingvoj ; kaj, ĉar tiuj lingvoj havas neniun ĝeneralan metodon, tiuj elementoj estos diversspecaj.

Kelkafoje tiuj lingvoj tradukas la nacilingvan nomon, t. e. faras vorton, kies pronunemaniero rezultas de la ortografio, kiel por ĉiuj aliaj vortoj de la lingvo ; en tiu farado ili atentas speciale nek la devenan ortografion, nek la prononcon ; tiuj vortoj plej ofte estas formataj per popola uzado kaj tio komprenigas ilian neregulecon (*Ekz. : france :* Berlin, Londres, Alexandre, Jupiter, k.t.p.)

En tiu okazo, oni atentos, en la elekto de la esperanta vorto, egale pri la internacia formo — se ĝi ekzistas — kaj pri la nomo uzata en la nacia

lingvo (antikva aŭ nuna) kiu, la unuan fojon, nomis la ion (*Ekz. : oni havas : dane,* Kjöbenhavn ; *france,* Copenhague ; *angle,* Copenhagen ; *germane,* Kopenhagen, *do ni elektos* Kopenhago, *kvankam tiu vorto ne estas la nacia formo.* — Jupiter *estas internacia, do ni prenos* Jupitero).

Kelkafoje la naciaj lingvoj klopodas por riprezenti, aŭ la ortografian aŭ la fonetikan formon, sed en ambaŭ okazoj la rezultatoj estas tute ne ĝustaj pro manko aŭ de la taŭgaj literoj, aŭ de la necesaj signoj.

En la unua okazo, kiun oni uzas kiam la literoj estas proksimume la samaj en la du lingvoj, oni simple enkondukas la tiel skribitan vorton kaj oni prononcas ĝin, kiel oni povas. (*Ekz. : france :* Salisbury). Por tia vorto, oni ricevos kiel elemento de la problemo, grafike internacian — aŭ preskaŭ internacian — formon (kiu estas kelkafoje la nacia mem) kaj, aŭ oni ne povas enkonduki ĝin kun Esperanta ortografio, aŭ tiu ortografio, ne donas la nacian prononcadon. (*Ekz. :* Dumas). En tiu okazo, oni devos atenti nur la nacilingvan originalan nomon, kaj oni faros kiel ni montros sube en la okazo kiam tiu nomo ekzistas sola.

En la dua okazo, kiam oni faras vorton, kiu plimalpli bone montras la nacian prononcadon (*Ekz. :* Souvaroff, Mohamed, Li-Hung-Chang) oni ĝenerale ricevos diversajn ortografiajn formojn, se en diversaj naciaj lingvoj, oni klopodis por riprezenti fonetike la nomon ; sed kelkafoje oni ricevos internacian formon, se la diversaj nacioj alprenis la formon unue elektitan de iu el ili. En tiuj okazoj la prononcado estas diversa, kaj la plej taŭga metodo konsistas atenti nur la nacilingvan prononcadon, kaj fari sammaniere kiel en la kazo kiam estas nur unu nacilingva nomo.

*Rimarkoj. — Nomoj de landoj kaj loĝantoj.*

Koncerne la geografiaj nomoj, al la elementoj de la problemo aldoniĝas, en la kazo de la lokoj ĉe kiuj estas loĝantoj, la nomoj de tiuj loĝantoj. Je tiu vidpunkto, oni kelkafoje bezonos tri specojn da propraj nomoj : tiun de la loko, tiun de la loĝantoj kaj tiun de la gentanoj, el kiu devenas tiu de la lando.

Laŭ la metodoj montritaj, ni devos studi samtempe la nomon de tiuj tri specoj, kaj formi ilin samtempe. Estos bona provi la sekvantan serion : la nomo de la lando estos formata aldonante novan sufikson *i* al la nomo de la gentano, kaj kiel kutime, la nomo de la loĝanto estos formata, aldonante *ano* al la nomo de la lando : (*Ekz. :* Ruso, Rusi, Rusiano).

Oni devos uzi la sufikson *i* kun tiu preciza signifo kaj neniam kiel karakteriza finiĝo, t.e. kiam la radiko ne estas tiu de la nomo de gentano. (*Ekz. :* Kongio *ne estas akceptinda*). Kiel por ĉiuj sufiksoj, oni trovos nomojn kiuj ŝajne entenos ĝin, sed tio estas neevitebla. (*Ekz. :* Kolombio, Bolivio).

La sufikso *uj* estos rezervata por la nomoj de lando en kiu troviĝas urbo aŭ alia io, kiu donas al ĝi nomon. (*Ekz. :* Lukzemburgo, Lukzemburgujo ; Hanovro, Hanovrujo).

*Antaŭnomoj.*

Ili apartenas, aŭ al la serio de la vortoj tradukataj en kelkaj lingvoj, aŭ al tiu de la vortoj ortografie internaciaj. Se persono estas nomata en ĉiu nacia lingvo per la korespondanta traduko, oni devas uzi, en esperanto, esperantan formon, kiun oni elektos kiel traduko de tiu nomo : (*Ekz. : La reĝo de Germanujo estas nomata : france,* Guillaume ; *germane,* Wilhelm ; *angle,* William ; *do oni nomos ĝin esperante per la nomo, kiu estas elektita kiel traduko de tiu antaŭnomo,* t.e. Vilhelmo, *ekzemple*). Sed se en la naciaj lingvoj, oni konservas la nacian formon, oni faras same en esperanto. (*Ekz. : oni diros en esperanto por la antaŭnomo de la angla poeto* Shakespeare, *la vorton* Viliamo *kiu estas la esperantigo de* William).

Aliparte tiu metodo ebligos pligrandigi la nombron de la vortoj uzataj por montri la personojn, kaj tio permesos helpi la distingon inter ili : (*Ekz. : oni povos uzi :* Gvilelmo, Gvijomo, Vilelmo, Viliamo, k.t.p.).

*Traduko de la propraj nomoj.*

Ni diris pri la tradukoj de la komunaj nacilingvaj vortoj, ke oni devas tre atenti, tion farante, pro la ebla konfuzo, kaj eĉ ke estas preferinda neniam traduki tiujn vortojn. Oni ankoraŭ pli devas atenti, je tiu vidpunkto, la proprajn nomojn.

Tamen tie ĉi ni havas gvidilon, kiu estas la maniero laŭ kiu agas la naciaj lingvoj : ni tradukos aŭ ne, laŭ ke la naciaj lingvoj tradukas aŭ ne. (*Ekz. : Ni tradukos F. :* Mer rouge, *ĉar en ĉiuj naciaj lingvoj oni tradukas tiun nomon ; sed ni ne tradukos F. :* Gris-Nez, *ĉar neniu nacilingvo tradukas ĝin*).

Se la vorto estas kunigo de kelkaj vortoj, ni tradukos la vortojn tradukitajn en la naciaj lingvoj. (*Ekz. : en F. :* Charles le Téméraire, *ni tradukos :* Le Téméraire ; *en* Boulogne-sur-mer, *ni tradukos :* sur mer).

2° *Ekzistas nur unu nacilingva nomo.*

En tiu kategorio troviĝas :

A. — La nomoj de ĉiuj geografiaj ioj troviĝantaj en lando okupata de loĝantoj parolantaj difinitan nacian lingvon.

B. — La nomoj de ĉiuj personoj, kiuj ne estas konataj de alilingvanoj.

Oni esperantigos tiujn nomojn, laŭ la metodoj jam uzataj de D^ro Zamenhof por esperantigi komunajn vortojn de iu nacia lingvo, kaj kiujn ni klarigis supre. Same kaj pro la samaj motivoj, pro kiuj estas dezirinda ke la teknikaj vortoj de iu fako estu faritaj de specialistoj, estos dezirinda ke la propraj nomoj de iu nacia lingvo estu esperantigataj de persono perfekte konanta tiun lingvon.

Estas grava rimarki ke ni ne celas esprimi, en tiu esperantigo, la prononcmanieron de la nacia vorto, eĉ kun proksimuma precizeco.

Efektive oni scias ke tio estas ebla nur uzante multenombrajn specialajn signojn, kaj plie ni celas nur doni al la konsiderata io, nomon kiun povos

uzi, buŝe kaj skribe, la uzantoj de la internacia lingvo, por montri precize ĝin. Vorto, eĉ propra nomo, estas interkonsento inter la uzantoj kaj, en lingvo aprioria oni povus preni ĝin arbitre; sed, laŭ la principoj de Esperanto, ni devas kontraŭe alpreni vorton plej similan kiel eble al la nacia vorto montranta la konsideratan ion.

Je tiu vidpunkto, nenio trudas nin alpreni tute precizan fonetikan transskribon de la nomo, ĉar Esperanto samtempe atentas la grafikan kaj la pronuncan reprezentadon de la nacilingvaj vortoj.

Aliparte eĉ en la naciaj lingvoj, oni pronuncas la vortojn malsimile laŭ la partoj de la lando, kaj kelkafoje oni ne pronuncas kelkajn el iliaj literoj — do oni ne povas diri ke ekzistas precize difinita pronuncmaniero por ĉiu propra nomo.

Tiuj ideoj ebligas nin doni al la propra nomo, esperantigante ĝin, formon kiu devas helpi por distingi ĝin el la aliaj propraj nomoj de la sama lingvo, kiuj estas pronuncataj sammaniere, kaj tiel oni sukcesos diferencigi ilin buŝe. (*Ekz. : La sekvantaj francaj nomoj de personoj, kiujn oni pronuncas sammaniere, povas esti esperantigataj :* Durano, Duranto, Durango, Durando, k.t.p.).

Ankaŭ tiu ebleco konsideri la grafikan formon permesas formi esperantajn vortojn pli facile pronunceblajn kaj, pri la nomoj de lokoj kiuj naskas nomojn de loĝantoj, formi pli facile la kunmetatajn vortojn kun la sufikso : *an.* (*Ekz. : La fonetika formo de Paris estus :* Pario *sed, konsiderante la grafikan formon, ni povas preni :* Pariso, *kiu donas* Parisano ; *tre prave oni alprenis* Parizo, *ĉar* s *inter vokaloj ĉiam estas pronuncata kiel* z).

Eble oni povus ankaŭ permesi la alprenon, en la propraj nomoj, de duoblaj konsonantoj, kio donus tiun profiton ebligi la distingon inter propraj nomoj de sama pronunco — kaj ankaŭ pli ĝuste konservi la grafikan nacian formon en kelkaj okazoj. (*Ekz. : Oni alprenus :* Odessa *anstataŭ* Odesa).

*Rimarko. — Traduko de tiuj propraj nomoj.*

En la antaŭa kazo, ni donis la regulon, por scii en kiaj okazoj oni devas, aŭ ne, traduki esperante tradukeblan nomon, fari sammaniere kiel en la naciaj lingvoj.

En la nuna kazo, ni ne povas doni tiun gvidilon, ĉar ni konas nur unu nacilingvan nomon.

Oni ne povas doni tiun alian konsilon : serĉi kian solvon alprenas la naciaj lingvoj en analogaj kazoj, ĉar bedaŭrinde, oni ricevus tiamaniere neniun solvon, la naciaj lingvoj obeante, pri tiu traduko neniun regulon.

Ni do devas almenaŭ provi starigi metodon : ni studos intersekve kelkajn kazojn :

1e La nomo estas simpla vorto.

En ĉiuj naciaj lingvoj oni uzas komunajn vortojn por nomi difinitajn iojn ; tio estas facile komprenebla, ĉar oni havas nur unu rimedon, por

montri ion : elekti unu aŭ kelkajn el la ecoj, kiujn ĝi prezentas. Eĉ la nomoj, kiujn ni ne plu komprenas, estas komunaj vortoj ne plu uzataj tiamaniere, aŭ kiuj estis aliformiĝataj en la komuna lingvo, dum ili ne ŝanĝis kiel propraj nomoj.

La ĝenerala regulo estos neniam traduki tian nomon, ĉar ĝi perdis la signifon de komuna vorto, por fariĝi vorto speciale difinita por montri ion inter iliaj ioj ; eĉ la adjektivojn oni ne devas traduki : (*Ekz. : Oni ne tradukos la francajn proprajn nomojn de persono :* Normand, Marchand ; *kaj la francan geografian nomon :* Verte *en* Ile Verte).

Kiel ni jam diris, tiu metodo prezentos la profiton pligrandigi la nombron de la uzeblaj propraj nomoj, kaj, sekve, ebligi la distingon inter ioj, kiuj havas, en diversaj naciaj lingvoj, nomojn, kiuj estas la tradukoj unu de la alia, kaj sekve havus saman nomon se oni tradukus ilin. (*Ekz.: El la du insuloj, el kiuj unu estas nomata france :* Ile Sable *kaj la alia nomata angle :* Sand Island, *oni nomos la unuan :* Insulo Sablo, *kaj la duan :* Insulo Sando ; *la franco, kiun oni nomas :* Marchand, *estos nomata :* Marŝant' *kaj la anglo kiun oni nomas :* Merchant *estos nomata* Merĉant').

2° La nomo estas kunmetata vorto.

En tiu okazo la solvo estas simpla, ĉar oni devos apliki — pro la samaj motivoj — la regulon, kiun ni donis por la komunaj vortoj, t. e. neniam traduki. (*Ekz. : Oni ne tradukos la francan nomon de persono :* Vielcastel *aŭ la nomon de urbo :* Trouville).

Ni ne bezonas aldoni, ke neniam oni devos alpreni hibridajn vortojn, t.e. traduki parton de vorto, kiu estas tradukebla. (*Ekz. : oni ne tradukos :* town *en* Yorktown, *aŭ* La Roche *en* La Rochefoucauld).

3° La nomo entenas kelkajn komunajn vortojn kunliĝitajn sed ne formantajn kunmetatan vorton.

En tiu kazo, se la nomo estas geografia, kaj se la komunaj vortoj precizigas la situacion, aŭ ebligas distingon inter diversaj ioj havantaj saman ĉefan nomon, oni tradukos ilin ; efektive ili devas esti komprenataj de ĉiuj kaj plie la nomo, kiun oni ricevus kunligante ĉiujn tiujn vortojn, estus eble tro longa. (*Ekz. : En* Boulogne sur mer, *ni tradukos :* sur mer, *sed en :* San Salvador, *ni ne tradukos* San).

Pri la nomoj de la vivantaj personoj, oni ne povas doni regulojn, ĉar ĉio dependas de la opinio de la posedanto de la nomo, kiu rajtas esperantigi sian nomon, kiel li volas. Tamen, por la historiaj nomoj ni konsilas traduki ĉiujn vortojn krom la substantivoj. (*Ekz.: en* Charles le chauve, *ni tradukos* le chauve ; *sed en* Rouget de l'Isle *ni ne tradukos* l'Isle).

Tiuj konsiloj certe ne ebligos solvi ĉiujn problemojn, tamen ili donos ĝeneralan ideon pri la alprenotaj solvoj.

Rimarku plie ke povas okazi malakordo inter ili kaj la farmanieroj de la naciaj lingvoj, ĉar, kiel ni diris, tiuj lastaj ne havas difinitan regulon.

*Pri la finiĝo o.*

La uzo de la finiĝo *o* estas laŭregula, ĉar la propraj nomoj estas vortoj entute similaj al la aliaj substantivoj de la lingvo.

Tamen oni trovos en tiuj nomoj, kelkajn radikojn kiuj ankaŭ finiĝas per *o*; kaj, kvankam en la komuna lingvo oni renkontas vortojn en kiuj du vokaloj sekvas unu la alian (varii, ree), ŝajnas ke estus pli belsona eviti tiun najbarecon de du vokaloj *o*.

Por tion fari, sufiĉos permesi anstataŭon de la finiĝo per apostrofo, kiel oni faras en poezio, kiam estos necesa; kaj oni povas sendanĝere pligrandigi tiun permeson, tiamaniere ke, kiam la aldono de *o* ŝajnos malbela oni povos forigi ĝin, ĉar la granda komenclitero sufiĉos por montri ke la vorto estas propra nomo, kaj sekve substantivo. (*Ekz.: Oni havos:* Kongo' *anstataŭ* Kongoo; Guatemala' *anstataŭ* Guatemalao; Njuton' *anstataŭ* Njutono).

Oni devos atenti kiam oni bezonos formi adjektivon, akuzativon aŭ aldoni la sufikson *an*. Se la nomo finiĝas per *o* sen apostrofo, oni anstataŭos *o* per *a* aŭ *ano*, kaj oni aldonos *n* por la akuzativo, kiel oni faras por ĉiuj substantivoj. (*Ekz.:* Parizo, Pariza, Parizano). Se la nomo finiĝas per apostrofo, oni anstataŭos tiun signon per *a* por la adjektivo, per *ano* por la nomo de loĝanto kaj, por la akuzativo, aŭ oni anstataŭos la apostrofon per *on* se la lasta litero de la radiko estas konsonanto, aŭ oni aldonas nur *n* post la apostrofo, se tiu litero estas vokalo. (*Ekz.:* Kongo', Kongoa, Kongoano, Kongo'n ; Njuton', Njutona, Njutonon).

Se la radiko finiĝas per *a*, estus pli bona eviti la adjektivan formon, kio estas preskaŭ ĉiam ebla, kaj anstataŭ aldoni *ano*, oni aldonos nur *no* post apostrofo. (*Ekz.:* Guatemala', de Guatemala', Guatemala' no).

*Pri la propraj nomoj uzataj kiel komunaj vortoj.*

En la sciencaj fakoj, kelkaj nomoj de personoj estas uzataj kiel komunaj vortoj por montri unuojn, aŭ eniras en kunmetataj vortoj internaciaj; en la du okazoj oni esperantigos tiujn nomojn. (*Ekz.: Oni diros:* omo, ĵulo, kulombo, kilowato, mikrofarado, pastorizi, k.t.p.).

*Pri la ortografia formo.*

Tiu esperantigo de la propraj nomoj aliformigas ilin, tiamaniere ke oni eble ne ilin rekonas la unuan fojon. Sed tio okazas ankaŭ por kelkaj novaj vortoj, kiujn oni enkondukas en la lingvo. Pro tio ni diris kaj ripetis ke estas necesa doni, kun la nova vorto, ĝiajn tradukojn en la naciaj lingvoj : oni do devos, ĝis kiam la internacia formo de la propra nomo estos sufiĉe konata, doni, en la suba parto de la paĝo, aŭ tuj post la esperanta nomo, la nacilingvajn nomojn de la io, se ekzistas kelkaj, aŭ la nacian nomon, se ekzistas nur unu; tiuj nacilingvaj nomoj estos ortografiataj laŭ la manieroj, kiujn ni montris supre.

Se oni ne konas la esperantan formon de iu propra nomo, kiun oni bezonas, kaj se oni ne estas kapabla esperantigi ĝin pro nesufiĉa kono de

la elementoj de la problemo, kaj ĉefe de la prononcmaniero de la nacia lingvo, oni faros kiel en la kazo kiam oni bezonas teknikan vorton ne ankoraŭ esperantigitan, kaj kiun oni ne kapablas fari : oni skribos ĝin laŭ la ortografia maniero de la nacia lingvo kaj per specialaj literoj, aŭ inter krampoj, kiel oni faras en la nacilingvaj tekstoj por la fremdaj vortoj.

En tiu kazo, por montri la adjektivan aŭ la akuzativan formon, oni metos post la vorto aŭ *a* aŭ *on* kun streketo ; oni faros same por la sufikso *ano*. (*Ekz.* : (Newton-a) ; (Newton-on) ; (Oxford-ano).

*Uzo de la du formoj.*

Estas kelkaj okazoj, en kiuj estos ĉiam necesa uzi la du formojn (esperantan kaj nacilingvan) en la skribaĵoj.

Efektive, unue tiuj propraj nomoj estas tro multenombraj por ke oni estu certa ke la persono, kun kiu oni interrilatas, bone komprenu se oni uzus nur la esperantan formon de ne tre konataj nomoj : due, la kono de tiu ortografia formo povas utili por la rilatoj kun neesperantistoj de la nacio al kiu apartenas la nomata io. (*Ekz.* : *adreso de letero, titolo de nacilingva verko, leĝaj okazintaĵoj*). Fine en kelkaj kazoj, propraj nomoj diferencas nur per ortografia formo, kaj se estas dubo pri la montro de la nomata io, estos taŭga doni la ortografian formon. (*Ekz.* : *en la bibliografiaj verkoj*).

Resumo.

En Esperanto ĉiuj ioj aŭ aro da ioj, kiuj havas propran nomon en iu nacia lingvo, havas ankaŭ propran nomon, elektatan laŭ la metodoj supre difinitaj, kiuj estas bazitaj sur tiuj uzataj por la farado de la komunaj vortoj.

Tiu farmaniero, kiun uzas la naciaj lingvoj en la kazoj kiam la propra nomo estas tiu de io, kiu speciale interesas ilin, estas la sola kiu ebligas tutan buŝan kaj skriban interkomprenon.

Esperanto sendube devas alpreni ĝin : nia lingvo kiu pretendas alporti al la homaro perfektan interkomprenilon ne povas limigi tiun nekompareblan profiton al la komunaj temoj, kaj forlasi tiun rilatan al ioj tiel gravaj, ke oni devis speciale nomi ilin en la naciaj lingvoj.

Tamen ni ne povas forgesi ke Esperanto devas ankoraŭ nun esti propagandilo por la ideo de lingvo internacia, kaj pro tio ne tro kontraŭstari la sentojn aŭ impresojn de tiuj, kiujn ni celas varbi. Estas fakto ke la ŝanĝo de la ortografio de la nacilingvaj propraj nomoj, kiujn ili konas, estas kaŭzo de miro kaj eble de moko de la neesperantistoj — kaj eĉ ankoraŭ nun de la plejmulto de la esperantistoj.

Tio devenas por la unuaj, de la fakto ke ili ne prononcas pense la vortojn, kiujn ili legas. Se ili provus tion fari, ili konstatus plej ofte ke ili ne povas prononci bone la alilingvajn nomojn, kaj konkludus ke la alilingvanoj estas en sama situacio pri la nomoj de ilia nacia lingvo. Poste, vidante la

esperante ortografiitajn proprajn nomojn, ili komprenus la celon de tiu unuavide stranga formo kaj ne plu mokus ĝin.

Tiun senton ankaŭ havas multaj esperantistoj, ĉar ili interrilatiĝas plej ofte buŝe kun samlingvanoj, kiuj pronuncas sammaniere — kaj tre malbone — la alilingvajn nomojn; sekve ili ne povas konstati, laŭ akra maniero, la malprofitojn, kiujn haviĝas la malsimileco aŭ neebleco de tiu pronuncado.

D° Zamenhof diris en la jaro 1905 : « Kvankam ni mem ordinare uzas « ankoraŭ en la plej granda parto da nomoj, ortografion originalan, ni « tamen ne dubas ke iom post iom, en nia lingvo, por ĉiuj nomoj, enradi- « kiĝos la fonetika ortografio ». Tiu ideo donas al ni la rimedon akordigi la necesojn de la nuna stato kun la formoj, kiujn la lingvo devos prezenti en la estonteco : tiu rimedo konsistas konsideri tiujn lastajn formojn kiel la fina fazo de evolucio, kiun ni devos gvidi laŭ tiu direkto.

La intersekvaj fazoj de tiu evolucio estos la sekvantaj :

1<sup>e</sup> La nuna stato t.e. la farmaniero de la naciaj lingvoj esperantigo de la internaciaj propraj nomoj aŭ de la nomoj, kiujn oni ofte bezonas; uzo de la ortografia nacilingva formo por la nomoj de la lingvoj, kiuj havas latinan alfabeton ; uzo de la fonetikaj formoj por la nomoj de la aliaj naciaj lingvoj). Sed kondiĉe ke la neesperantigitaj propraj nomoj estu montritaj en la teksto per la sama maniero, per kiu oni montras la alilingvajn nomojn.

2<sup>e</sup> Samtempa uzo de la esperanta formo por ĉiuj propraj nomoj kaj de la ortografia formo tie-ĉi supre difinita. Kiel en la antaŭa kazo, la esperanta nomo devos esti skribata kiel la cetero de la teksto, kaj la nacilingva nomo montrita kiel alilingva vorto. Kelkafoje tiu lasta nomo estos sola, kiel ni montris. Komence oni metos ĝin en la unua loko; poste oni metos ĝin en la dua.

3<sup>e</sup> La nura uzo de la esperanta formo ; tamen eĉ en tiu fazo, oni devos atenti tion, kion ni supre diris pri la okazoj, en kiuj oni devos ankaŭ doni la ortografian nacilingvan formon.

Ekz. : 1<sup>a</sup> fazo : Isaako *Newton* aŭtoro de la *Philosophiæ naturalis principia mathematica* naskiĝis en *Woolstorpe* (*Lincolnshire*).

2<sup>a</sup> fazo : Isaako Njuton'-*Newton*-aŭtoro de la *Philosophiæ naturalis principia mathematica* naskiĝis en Vulstorpo-*Woolstorpe* (Linkolnŝajro-*Lincolnshire*).

3<sup>e</sup> fazo : Isaako Njuton' aŭtoro de *Philosophiæ naturalis principia mathematica* naskiĝis en Vulstorpo (Linkolnŝajro).

## 2. — SERĈADO DE LA SOLVO INTER LA JAM EKZISTANTAJ VORTOJ.

Ni diris ke estas necesa koni la teknikajn vortarojn jam publikigitajn, por utiligi ilin en nia verkado : ni nun studos iom detale la profitojn kaj malhelpojn, kiujn povas oferi al ni tiuj jam faritaj laboroj.

1e *Rilatoj inter la teknikaj kaj la komunaj vortaroj.*

Estas tre malfacila kaj eĉ neebla apartigi la vortojn, kiuj estas teknikaj kaj tiuj kiuj ne estas teknikaj. Nur la praktiko tion montros.

Do Zamenhof konsilas serĉi antaŭ ĉio, ĉu ne ekzistas en la komuna lingvo taŭga vorto por esprimi la teknikan ideon : oni do devas tion fari ; sed antaŭ alpreni komunan vorton, estas necesa tre atenti ĉu ĝia signifo estas sufiĉe preciza kaj bone reprezentas la ideon : (*Ekz. : por traduki la geometrian vorton* F. : plan, *nek* plano, *nek* plato *de la komuna lingvo taŭgas kaj oni devis elekti la novan vorton* ebeno ; *ĉar la simpla vorto* troo *tre bone esprimas la ideon de la matematika franca vorto* excès, *oni povas alpreni ĝin*).

La fakto ke jam ekzistas en la komuna lingvo, vorto por esprimi la konsideratan teknikan ideon, ne povas malhelpi nin elekti novan teknikan vorton, se tiu de la komuna lingvo ne estas taŭga, ĉar oni tre ofte faras tion en la naciaj lingvoj, kaj por multe da esprimoj ekzistas samtempe komuna kaj teknika vorto. (*Ekz. : oni povas alpreni en la scienca lingvo, la vorton* ekvilibro *por traduki la francan vorton* équilibre, *kvankam jam ekzistas, en la komuna lingvo, la vorto* egalpezo *kiu estas neakceptebla pro la formado de la kunmetataj vortoj*).

En kelkaj okazoj, oni renkontas ideon esprimatan en la naciaj lingvoj, per vortoj de la komuna lingvo forigitaj de ilia unua senco. Se, en ĉiuj lingvoj, la uzita vorto havas saman primitivan signifon oni alprenos ankaŭ en esperanto, la vorton de la komuna lingvo, eligante ĝin el ĝia primitiva senco : (*Ekz. : en multaj naciaj lingvoj, oni nomas per la sama vorto* kapon *de estaĵo kaj geografian formon de la tero : sekve en esperanto, oni povos uzi la komunan vorton* kapo *por montri tiun lastan sencon ; en ĉiuj lingvoj, la aparato, kiun oni nomas france* bras *de la ankro, estas nomata per la vorto, kiu signifas tiun parton de la homa korpo : oni sekve povas elekti la vorton* brako *por nomi tiun aparaton, en la marista fako*).

2e *Rilatoj inter la vortaroj de la diversaj teknikaj fakoj.*

Povas okazi ke la sama ideo apartenas al diversaj teknikaj fakoj : ne estas necesa, en tia okazo, elpensi specialan vorton por ĉiu fako kvankam tio okazis ofte en la naciaj lingvoj. Eĉ ne estas necesa apartigi ilin, aldonante al la elektita vorto, radikon kiu montros la diversajn fakojn al kiuj ĝi apartenas ; eble tio taŭgas kiam oni parolas samtempe pri tiuj diversaj fakoj, sed en la praktiko, oni uzos la vorton sen iu aldono, ĉar neniu konfuzo estos timinda : (*Ekz. : en la kuirista kaj forĝista fakoj, oni diros simple* forno *kaj ne* kuirforno *aŭ* forĝforno ; *en la militista fako, oni diros* esplorado *kaj ne* militesplorado).

Oni scias ke principe en Esperanto, ĉiu aparta ideo devas esti esprimata per aparta vorto ; do, se serĉante teknikan vorton, oni trovus vorton jam uzitan por esprimi alian ideon, oni ne devus alpreni ĝin. Bedaŭrinde tiu principo ne estas absolute obeebla en la teknika lingvo, aŭ, por pli bone

diri, ĝi estas tiel malhelpa, ke oni devas ĝin malfortigi. Ni do diros ke estas permesata malobei ĝin, sed nur kiam estas tute neebla alimaniere fari, kaj kiam neniu konfuzo povas rezulti de tiu malobeo.

Tiu konfuzo estos certe neebla, kiam la du ideoj apartenas al fakoj sufiĉe nenajbaraj por ke oni ne povu timi la renkonton de ili en la sama teksto. (*Ekz. : oni povas uzi :* lifto *por traduki la francan vorton :* ascenseur *en la mekanika fako kaj* balancine *en la marista fako ; sed oni ne povas uzi la vorton* akra *por traduki la francan vorton* âcre, *ĉar tiu vorto jam signifas* aigu).

3e *Rilatoj inter la teknikaj vortaroj kaj la Fundamento.*

En la antaŭparolo de la Fundamento, Dr Zamenhof diris : « Se ia aŭto-« ritata centra institucio trovos ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia « lingvo, estas tro neeportuna, ĝi ne devas forigi aŭ ŝanĝi la diritan for-« mon ; sed ĝi devas proponi formon novan, kiun ĝi rekomendos uzadi « paralele kun la malnova : kun la tempo, la formo malnova fariĝos « arkaismo, kiel ni ĉi tion vidas en ĉiu natura lingvo ».

Pri la teknikaj aŭ sciencaj vortoj, la demando prezentiĝas laŭ du malsimilaj formoj :

1e La vorto de la Fundamento ne taŭgas tute aŭ parte je la teknika aŭ scienca vidpunkto : (*Ekz. : la vorto* arseniko *estas maloportuna por montri la simplan elementon, pro la formado de la kunmetataj vortoj en la ĥemia nomenklaturo ; la vorto* plateno *malfacile estos akceptebla de la sciencistoj*).

2e Oni bezonas vorton de la Fundamento por esprimi alian ideon ol tiu, kiun ĝi esprimas : (*Ekz. : oni bezonas* poligono, *tute internacia por la reprezentado de geometria figuro, kaj ĝi estas en la Fundamento kun tute alia signifo*).

En la du kazoj, laŭ la suprecititaj paroloj de nia Majstro, oni sendube rajtos enkonduki la taŭgan vorton, se la Akademio — kiu hodiaŭ estas la aludata centra aŭtoritata institucio — permesas tion. Oni do devos proponi al ĝi tiun vorton. Sed antaŭe, estos bona postuli la opinion de la komisioj starigataj de la Scienca Asocio, kaj unue de la Teknika kaj Scienca Komisio.

## V. — Elekto de la solvo de la problemo.

En la antaŭaj ĉapitroj, ni donis konsilojn por serĉi la du eblajn solvojn de la problemo, t. e. por fari kunmetatan vorton kaj por elekti simplan vorton, kiuj precize esprimus la reprezentotan ideon.

Nun estas necesa doni konsilojn por elekti la alprenotan solvon inter la plimalpli taŭgaj ricevitaj solvoj. Oni povas fari tion nur komparante tiujn solvojn je kelkaj difinitaj vidpunktoj. La ĉefaj estas la komprenebleco, la taŭgeco por formi kunmetatajn vortojn kaj la pronunca facileco. Ni ekzamenos intersekve tiujn tri punktojn.

### 1. — KOMPARO JE LA VIDPUNKTO DE LA KOMPRENEBLECO.

Ni jam diris ke vorto estas interkonsento inter la personoj kiuj uzas ĝin : ili interkonsentas ke tiu vorto reprezentas iun difinitan ideon. Se en Esperanto, ni elektas vorton, kiu similas al iu nacilingva vorto, ne estas necesa starigi interkonsenton, por komprenigi tiun vorton de la nacianoj, kiuj parolas tiun lingvon : sekve simpla vorto estas des pli taŭga ke ĝi similas pli grandan nombron de la nacilingvaj vortoj, kaj ĝia valoro rilata al aliaj simplaj vortoj, povas esti taksita per tiu nombro.

Por taksi la rilatajn valorojn de simpla kaj de kunmetata vortoj, ni devas apogi nin sur la ideoj, kiujn ni jam prezentis pri la kompreneblеco de la kunmetataj vortoj.

Sekve, kunmetata vorto komprenebla sen speciala interkonsento aŭ per internacia interkonsento, havas pli grandan valoron ol netute internacia simpla vorto. Sed ĝi ne egalvaloras tute internacian simplan vorton, ĉar oni devas atenti ke, por sciencistoj aŭ teknikistoj, vorto, kiun ili konas, ĉiam prezentos pli grandan certecon de preciza komprenebleco ol alia nova vorto, eĉ perfekte komprenebla ; efektive tiu lasta bezonas iom da interkonsento por esti sendube aplikata al la esprimota ideo. (*Ekz. : ili ŝatos pli* antropoida *ol* homforma ; poliedro *ol* multedro ; multipliki *ol* obligi ; isomorfa *ol* samforma, k.t.p.). Plie, trovi en la lingvo vortojn, kiujn ili kutimas uzi, certe allogos sciencistojn aŭ teknikistojn.

Fine kunmetata vorto komprenebla nur per speciala interkonsento havas malpli grandan valoron ol netute internacia simpla vorto, ĉar ĝi necesigas interkonsenton inter ĉiuj uzantoj.

Je tiu vidpunkto, oni do povas starigi la sekvantan ordiĝon de tiuj solvoj ; tamen oni devos konsideri tiun tabelon nur kiel gvidilon, kiu ne liberigos el atenta diskutado.

1. Internacia simpla vorto.
2. Kunmetata vorto komprenebla :
   *a*) Sen speciala interkonsento
   *b*) Per internacia interkonsento.
3. Simpla netute internacia vorto.
4. Kunmetata vorto komprenebla per speciala interkonsento

*Rimarkoj.* — Tiu klasifiko naskas kelkajn rimarkojn.

1e Ŝajnas rezulti el ĝi ke oni devas principe preferi internacian simplan vorton ol kunmetata vorto de la dua kategorio, eĉ kiam tiu lasta apartenas al familio da vortoj kaj estas formata per uzo de la afiksoj : (*Ekz. : la internacia vorto* astronomo *estus preferinda ol la kunmetata vorto* astronomiisto, *formata per kuniĝo de la sufikso* ist *kun la radiko* astronomi).

En tiu okazo ni opinias ke oni povas konsenti la samtempan uzadon de la du vortoj. Efektive la uzo de la afiksoj ebligas formi, kun konata radiko, vorton kiu estas komprenebla ; sed se alia vorto esprimanta la saman ideon, estas internacia, ĝi estas ankaŭ komprenebla. Se la uzanto ne memoras ke la internacia vorto estas akceptita en Esperanto, li uzos la sufikson kaj estos komprenata, sed se li uzas la internacian vorton, li estos ankaŭ komprenata ; sekve oni povas sendanĝere uzi ambaŭ.

Aliparte, okazas en la naciaj lingvoj ke ekzistas du vortojn por esprimi precizan ideon kaj tio ne malhelpas la komprenebleçon : (*Eks. : france oni diras :* géodèse *kaj* géodésien).

Laŭ tiu opinio, oni devas kompreni ke la uzo de la afiksoj estas deviga nur kiam ne ekzistas internacia vorto havanta la deziratan signifon : (*Ekz.: oni devas uzi :* fizikisto, matematikisto, *kaj nur tiujn vortojn*) ; kaj oni povas uzi la du vortojn (laŭregulan kaj internacian) nur kiam oni estas absolute certa ke neniu dubo povas ekzisti pri ilia sama signifo : (*Ekz. : oni povas uzi, kiel ni diris :* astronomo *kaj* astronomiisto ; *sed oni ne povas uzi* malsanulejo *en la sama signifo kiel* hospitalo, *kiu estas internacia, ĉar la unua vorto ne havas devige la saman signifon kiel la dua*).

Tiu ebla uzo de du samsencaj vortoj havigas la sekvantajn profitojn : unue, kiel ni diris, ĝi faciligos la uzon de la lingvo, permesante uzi la laŭregulan vorton se oni ne estas certa ke la vorto, kiu ekzistas en la nacia lingvo kaj kiun oni konas, estas internacia ; due per la praktiko, eble unu el la du vortoj nur restos en la lingvo, kaj ni devos klopodi por ke ĝi estu la laŭregula, montrante ĝian superecon al la uzantoj ; fine en kelkaj kazoj la praktiko eble specialigos la du vortojn en najbaraj signifoj ambaŭ utilaj. (*Ekz. : oni povos nomi* astronomoj *tiuj kiuj okupas sin pri la observa astronomio kaj* astronomiistoj *tiuj kiuj laboras pri la astronomaj kalkuloj*).

Ni ne aludas ĉi tie la kazojn, en kiuj la vorto kunmetata per afikso ne ebligas kontentigan esprimon ; en tia kazo ni jam diris ke oni devas uzi la internacian vorton kvankam ĝi estus hibrida : (*Ekz. : por esprimi la ideon, kiun esprimas la franca vorto* administration, *oni povos elekti la internacian vorton* administracio, *ĉar la vorto* administrado *ne taŭgas*).

Alia kazo iom malsimila estas kiam kunmetata vorto ebligas komprenigi diversajn ideojn, sufiĉe malsimilajn, sed kiuj havas inter si principajn rilatojn ; tiam oni specialigas ĝin laŭ unu difinita ideo kaj la internacia vorto estas tre utila por esprimi alian. (*Ekz. :* kondensilo *povas esti specialigita por la aparato, kiu servas al la vapormaŝinoj ; kaj la internacia vorto* kondensatoro *por la aparato, kiun oni uzas en la elektra fako*).

2° Preferante simplan vorton eĉ ne tute internacian ol kunmetata vorto komprenebla nur per speciala interkonsento, oni ŝajnas faciligi enkondukon en Esperanto de multaj novaj radikoj, kaj tion farante komplikigi la lingvon.

Tiu kontraŭdiro ne estas akceptinda entute pri la komuna lingvo kaj ankoraŭ pli certe pri la teknika. Se oni volus en la unua, uzi nur la malmultenombrajn vortojn de la Fundamento — kiuj sufiĉas por la ordinaraj kaj ĉiutagaj interrilatoj — por esprimi ĉiujn nuancojn de la penso, oni devus uzi kunmetatajn vortojn, kiuj eble oni komprenus vidante ilin en la ĉirkaŭa teksto, sed kiujn oni ne povus — ne posedante la majstrecon de tiu, kiu la unuan fojon verkis ilin — fari mem laŭbezone, kaj kiujn oni devus sekve lerni kiel nekonatajn simplajn vortojn : la profito do estus preskaŭ nula. Oni pli certe ankoraŭ estas kondukata alpreni novajn simplajn vortojn en la teknika lingvo, eĉ ne tute internaciajn se ne ekzistas internaciaj ; efektive oni ricevus nenian profiton, formante kunmetatajn vortojn ne facile kaj precize kompreneblajn, krom de tiu, kiu faris ilin : ili nur enkondukus konfuzojn en la praktiko.

Sed oni devas ĉiam zorge atenti pri tiu enkonduko, kiu senpripense farita, prezentus gravan danĝeron, kaj ĝin uzi nur en okazo de nedubinda neceseco (kiam, kiel ni ripetis, oni ne povas esprimi la ideon per kunmetata vorto de la dua kategorio) ; oni ankaŭ evitos la formojn, kiujn ni montris netaŭgajn, en la antaŭaj ĉapitroj.

## 2. — KOMPARO JE LA VIDPUNKTO DE LA TAŬGECO POR FORMI KUNMETATAJN VORTOJN.

Ni jam diris ke por elekti novan vorton, oni devas samtempe studi la formadon de ĉiuj vortoj de ĝia familio, kaj por tio, kunigi ĉiujn vortojn, kiuj en la naciaj lingvoj ŝajnas aparteni al tiu familio : tion farante, oni devos atenti ke kelkafoje nacilingvaj vortoj, kiuj apartenas laŭlogike al familio de iu ideo — kaj sekve en Esperanto apartenas al la familio de la vorto, kiu esprimas tiun ideon — ne apartenas en la naciaj lingvoj al la korespondanta familio : *(Ekz. : france la vorto* hôpital *ne apartenas al la familio de la vorto* santé).

Aliflanke, estas malfacila precizigi la limojn de familio, ĉar al ĝi povas aparteni ĉiuj kunmetataj vortoj, en kiuj la konsiderata simpla vorto ludas la ĉefan rolon — kaj ili eble estas multenombraj — ; en tiu studado, ni nur konsideros la vortojn formitajn per kuniĝo de la simpla vorto kun afiksoj aŭ radikvortoj.

Kiam oni estas kuniginta tiujn vortojn, kun iliaj nacilingvaj tradukoj, oni unue elektos la *naskvorton*, kiam tiu vorto ne estas evidenta kaj, por tion fari, oni devos atenti : unue pri ĝia *formo* kaj due pri ĝia *gramatika naturo*.

Rilate al ĝia *formo*, oni atentos ke ĝi plimalpli faciligos la formadon de la kunmetataj vortoj laŭ sia longeco, sia finiĝo, sia facila prononco, kaj fine la aranĝo de siaj silaboj kiu povas okazigi konfuzon, kiam oni kunigos ĝin kun alia vorto. Je tiu vidpunkto, preskaŭ ĉiam simpla vorto estas

preferinda ol kunmetata vorto, eĉ se la nombro de iliaj silaboj estas la sama.

Rilate al la *gramatika naturo*, oni atentos ke la formo de la kunmetataj vortoj ŝanĝas kun tiu naturo, kaj ke povas okazi ke iu naturo de naskvorto tute malpermesu la formadon de kelkaj vortoj de la familio. Je tiu vidpunkto, oni havas profiton, kiam oni povas heziti inter substantivo kaj verbo, elekti tiun lastan, ĉar tiamaniere oni povos laŭregule formi la substantivojn esprimantajn la agon kaj la rezultaton de la ago ; oni povos ankaŭ kunigi simple tiun verbon kun *ig* kaj *iĝ* : (*Ekz. : Se oni prenas kiel naskvorto la verbon* falĉi, *oni ricevas por la instrumento* falĉilo, *por la ago*, falĉado, *kaj por la rezultato :* falĉataĵo ; *ankaŭ la verboj* falĉiĝi, falĉigi *estas laŭregule kompreneblaj*).

Kontraŭe, kiam oni elektas substantivon, oni devas doni al la gramatika verba derivato signifon difinitan per speciala interkonsento kaj ni montris ke tio estas komplikaĵo : (*Ekz. : Se oni prenas kiel naskvorto la substantivon* falĉo *kun signifo de instrumento, oni devos interkonsenti pri la preciza signifo de la verbo :* falĉi ; *kaj la vortoj* falĉigi, falĉiĝi *povus signifi :* igi ion falĉo *aŭ* fariĝi falĉo).

Aliparte, kiel ni jam diris, oni devas fiksi la signifon de la gramatikaj derivatoj nur kiam gravega neceseco trudas tion. Efektive estos utila konservi tiujn vortojn por signifo, kiu povas aperi en la estonteco, kaj estas oportuna rezervi kelkajn simplajn vortojn, kiujn oni povas uzi kiel minimuman formon de pli komplikitaj vortoj.

Ni donas poste ekzemplon de studado pri familio.

Ni ne bezonas konsideri la kazon en kiu la esprimota ideo apartenas al familio de alia ideo, en la naciaj lingvoj, ĉar oni ne devas studi tiun vorton aparte, sed konsideri samtempe la tutan familion. Se tiu familio estas jam fiksita, oni devas eviti ke la nova vorto similu al iu el la jam ekzistantaj vortoj.

Oni ankaŭ devas atenti ĉu tiu vorto ne povas naski alian familion ; en tia okazo, oni sendube devos preferi simplan vorton eĉ ne tute internacian ol kunmetata vorto apartenanta al la unua familio. (*Ekz. :* hospitalo *estus preferinda al* malsanulejo, *kiu ne devigas la formadon de la multaj vortoj esprimantaj la ideojn devenantajn de tiu ideo*).

### 3. — KOMPARO JE LA VIDPUNKTO DE LA PRONUNCA FACILECO.

Ni diros nur kelkajn vortojn pri tiu vidpunkto, ĉar ĝi estas malpli grava ol la antaŭaj.

En la praktiko, oni nun pli kaj pli inklinas mallongigi la teknikajn aŭ metiajn vortojn. Oni ne povos malhelpi tiun mallongigon en la tro longaj vortoj. Sekve oni devos, plej ofte kiel eble, elekti mallongajn kaj facile pronunceblajn vortojn, precipe en la praktikaj fakoj, kaj ankaŭ

vortojn, kiujn malbona pronuncado ne povas konfuzigi kun aliaj, aŭ miskomprenigi.

Pri la plej facile prononceblaj formoj, ĉar tiu facileco ŝanĝas laŭ la nacieco de la pronuncantoj, se oni serĉus kontentigi ĉiujn, oni riskus forigi multajn el la silaboj de la lingvo : oni povas nur diri ke la plej facile prononceblaj vortoj por ĉiuj, estas tiuj, kiuj ne entenas du intersekvajn konsonantojn ; kaj ke, inter la grupoj de du konsonantoj, la plej facile prononceblaj estas tiuj, en kiuj la dua estas fluida (france : liquide).

4. — Ekzemploj de la serĉado de nova vorto.

1ª Ekzemplo

I. — *Kunigo de la elementoj de la problemo.*

a) *Difino.* — Unua produktaĵo rezultanta el la redukto de la ferozaj minaĵoj.

b) *Nacilingvaj tradukoj.* — 1. *France :* fonte (*oni uzos tiun saman vorton por montri la agon fondi*).

2. *Angle :* cast-iron, *laŭvorte :* fandi-fero.

3. *Germane :* Roheisen (*laŭvorte :* kruda fero. *Ankaŭ oni trovas* Guss *aŭ* Gusseisen *laŭvorte :* fando-fero ; *atentu la verbon :* giessen = fandi).

4. *Itale :* ghisa.

5. *Hispane :* fundicion.

II. — *Serĉado de la eblaj solvoj.*

a) *Internacia simpla vorto :* ne ekzistas.

b) *Kunmetata vorto komprenebla sen speciala interkonsento aŭ internacia.* — La difino donus aŭ : fanditfero = fandita fero, aŭ laŭ la ĥemia formulo : ferkarbido.

c) *Simpla vorto ne tute internacia.* — Oni povas memorigi la germanan vorton : *guss* aŭ *giessen*, la italan : *ghisa*, kaj eĉ la francan : *gueuse* (kiu devenas de *giessen*) alprenante ĉu *giso* ĉu *gizo*.

d) *Kunmetata vorto komprenebla per speciala interkonsento.* — La angla vorto donus : *fandfero* kiu similas al unu el la germanaj vortoj. Oni devas des pli konsideri tiun solvon, ke en metalurgio, oni devas preferi la anglajn vortojn, kiuj estas preskaŭ ĉiuj internacie konataj.

III. — *Diskutado.*

La serĉata vorto devas eniĝi en multaj kunmetataj vortoj — speciale en tiuj, kiuj montros iojn faritajn el tiu metalo ; plie ĝi eniros en tekstoj, en kiuj la vortoj *fandi* kaj *fero* estos certe ofte ripetataj. Sekve estas preferinda ke la elektata vorto ne estu kunmetata. Aliparte *giso* estas pli simila al la naciaj pronuncmanieroj ol gizo.

IV. — *Elektata solvo :* Giso.

2ª EKZEMPLO

Studado de familio.

I. — *Kunigo de la elementoj de la problemo.*

a) *Nacilingvaj tradukoj.*

1. France : électricité, électrique, électriser.
2. Angle : electricity, electrical, electrize.
3. Germane : Elektrizität, elektrisch, elektrisieren.
4. Itale : elettricità, elettrico, elettrizzare.

b) *Difinoj.* — Ne estas necesa difini la supredonitajn vortojn, kiujn la nacilingvaj tradukoj suficê precizigas ; ni ankaŭ devos konsideri la vortojn elektotajn por esprimi la ideon, kiun oni esprimas france per *transformer en électricité* kaj *électrifier*. Aliflanke ni ne konsideros la vortojn, en kiujn enigas la internacia radiko *elektro,* (france : *électrophore, électromètre,* k.t.p.) kiuj estas internaciaj kaj ne interesas la elekton de la radiko de la nun studata familio.

II. — *Serĉado de la eblaj solvoj.*

Ne estas dubinda ke oni devas elekti simplan vorton kiel naskvorton de la familio, sed oni povas heziti inter la substantivo *elektro* kaj la adjektivo *elektra* aŭ *elektrika.*

Por trovi kiun el ili oni devas elekti, oni devas serĉi kian formon ĉiu el ili donas al la vortoj de la familio : ni supozos ke oni interkonsentas intersekve pri la difino aŭ de la substantivo aŭ de la adjektivo — ĉar estus malfacila redakti kontentigan, je la vidpunkto de la pura scienco, difinon de tiuj vortoj.

1ª Akceptante difinon de la substantivo *elektro* oni ricevas :

*Adjektivo.* — Tiu vorto havas en la naciaj lingvoj, multajn diversajn signifojn ; ĝi povas signifi : *kiu produktas elektron* (elektra maŝino) ; *kiu estas movigata de la forto de la elektro :* (elektra fervojo) ; *kiu kondukas elektron :* (elektra fadeno) ; sekve en Esperanto la adjektivo *elektra* estos minimuma formo de la maksimumaj formoj : *elektroprodukanta, elektremoviga, elektrokondukanta).*

*Verbo.* — Tiu vorto esprimas la ideon : agi sur io tiamaniere ke ĝi entenu elektron. Rimarku ke la vorto *elektrigi* povus esprimi tiun ideon, se oni akceptu ke en tiu vorto la adjektivo *elektra,* kiun ĝi entenas, havus la signifon *entenanta elektron ;* tamen ĉar tiu adjektivo povas, kiel ni vidis, havi multajn aliajn signifojn, estus pli bona elekti por la verbo precizan formon, kaj, ĉar ĝi havas la internacian formon *elektrizi,* ni elektos tiun lastan.

Restas ankaŭ la du esprimoj (france) *électrifier* kaj *transformer en électricité*. Tiuj esprimoj estas malofte uzataj kaj, en la frazoj, en kiuj oni uzos ilin, neniu dubo povas naskiĝi, se oni uzas la ne tre precizan *elektrigi*. Tamen ĉar ni ankoraŭ ne fiksis la sencon de la gramatika derivato *elektri*, ŝajnas ke oni povus doni al ĝi la signifon *transformer en électricité*, se oni opinias necesa havi vorton por tiu tre malofta esprimo.

Fine, per la substantivo kiel naskvorto oni ricevos : (ni donas nur la francan tradukon) : *elektro* = *électricité* ; *elektra* = *électrique* ; *elektrizi* = *électriser* ; *elektri* = *transformer en électricité* ; *elektrigi* = *électrifier*.

2ª Akceptante difinon de la adjektivo *elektra*, oni ricevas :

*Substantivo.* — Se oni difinas adjektivon dirante ke ĝi kvalifikas ion, kiu havas specialan econ, oni ricevas por la substantivo *elektreco*, kiun oni povas mallongigi en *elektro*.

*Adjektivo.* — Ĉar signifo de la adjektivo estas fiksita, ni ne povos mallongigi la adjektivojn, kiujn ĝi reprezentis en la unua kazo kaj tio estus tre maloportuna.

*Verbo.* — Oni tre precize povos traduki per *elektrigi* la francan verbon *électriser*, sed tiamaniere oni ne profitas la internacian vorton *elektrizi*.

Koncerne la esprimon *transformer en électricité*, oni povus kiel en la unua kazo uzi la gramatikan derivaton *elektri* aŭ la kunmetatan vorton *elektro-igi*, kiu estas maloportuna. Plie oni ne plu havas facilan esprimon por la esprimo *électrifier*.

Fine per la adjektivo kiel naskvorto, oni ricevos *elektreco* = *électricité* ; *elektra* = *électrique* ; *elektrigi* = *électriser* ; *elektri* = *transformer en électricité* ; neniun simplan esprimon por *électrifier*.

### III. — *Diskutado.*

Ne estas dubinda ke la fiksado de la signifo de l'adjektivo estas tre malhelpanta ; aliparte en ĉiuj naciaj lingvoj, la substantivo estas la ĉefa vorto de la familio, kvankam ĝia signifo estas malprecize science difinita. Pro tiuj motivoj, ni elektos la supredonitajn formojn en la unua kazo, kiam la naskvorto estas la substantivo *elektro*.

**GRAVA AVIZO. — Mi petas la sciencistojn kaj teknikistojn sendi al mi iliajn rimarkojn pri tiu konsilaro.**
**La komisio ekzamenos ilin kaj, se necese, aldona estos publikigata.**

La Direktoro :
Rollet de l'Isle,
35, rue du Sommerard,
*Paris (Franc.).*

# MUZIKTEORIO

## Elementaj principoj.

*(2ª daŭrigo)*

(La komenco sin trovas en marta nº 1910, kaj la 1ª daŭrigo en Aŭgusta 1910).

### Ĉapitro VIª. — Diafona Gamo de Moltonordo, t.e. Molgamo.

*Molgamo* estas ankaŭ diatona gamo, t.e. serio da notoj kiu sinsekvas laŭ alfabeta ordo de ia toniko[1] (komenca aŭ ĉefnoto) ĝis oktavo ĝia, enhavanta 5 plentonojn kaj 2 duontonojn.

Ĉiu diatona gamo povas esti aŭ *dura* aŭ *mola*.

Ekzistas ĉiam flanke de l'durgamo ankaŭ molgamo (de alia nomo), kiu havas la saman gamsignon sed ne la saman tonordon, ekz.




Ambaŭ havas 5 plentonojn kaj 2 duontonojn, sed ili ne kuŝas en la samaj lokoj.

La molgamo havas la saman gamsihnon kiel C durgamo (t.e. nenia), sed ĝi ne povas esti *dura*, ĉar, komencante per A, la tonordo ŝanĝas siajn kondiĉojn : la duontonoj ne plu okazas inter la 3ª kaj 4ª inter la 7ª kaj 8ª gradoj aŭ notoj, sed la duonnotoj kuŝas inter la 2ª kaj 3ª kaj inter la 5ª kaj 6ª gradoj aŭ notoj. La tri unuaj notoj faras moltercon[2], kaj oni uzas ekstrrgamsignon (kromsignojn) por plibelsonigi la finon de tiu gamo.

El ĉio tio ĉi venas la regulo ke la molgamo havu moltercon[1], t.e. ke inter ĝia teniko[3] aŭ gamnoto ĝis la medianto[2] (3ª noto devas kuŝi nur 1 plen — kaj 1 duontono.

Durgamo, kontraŭe, devas enteni 2 plentonojn en sia terco, t.e. de l'toniko ĝis la medianto.

Ĉiu diatona gamo havas do aŭ dur — aŭ moltercon.

Por belsoneco (kaj aliaj kialoj) oni altigas la 7ªn noton de molgamo per 1 duontomo, ĉar estas absolute necese havi, avertanoton, kiu kuŝas ĉiam unu duontonon sub la oktavo de l'toniko (gamnoto).

La 6ª noto de ĉiu durgamo fariĝas la toniko de ĝia parenca molgamo.

Oni povas ankaŭ esprimi tion sinturniĝe, t.e. dirante ke la toniko de molgamo kuŝas moltercon (3 duontonojn) sub la toniko de ĝia parenca durgamo, ĉar moltero estas la sinturniĝo (aŭ inversio) de superdominanto (6ª noto) kaj ĝia toniko. Ekz. C A estas toniko C kaj ĝia super-

[1] Vidu paĝon 250ªⁿ en numero 80-81 de I. S. R.

[2] Terco estas priparolita en ĉapitro VIII.

[3] Vídu Aŭgustan numeron, paĝon 250.

dominanto A; estas molteco, aŭ toniko A kun sia medianto C, kiu entenas 3 duontonojn.

Foje oni ne postulis subtonikon (7$^{an}$ noton) en molgamo, sed nuntempe la harmonia sistemo nepre bezonas tiun antaŭfinan noton. Jen molgamo kun superigita subtoniko (7$^{a}$ noto) :

A. molgamo.

En tiu formo la molgamo *ne plu* estas *plene* diatona, havante 3 plentonojn, 3 duontonojn kaj unu distanco de 1 plentono kaj 1 duoniono : F. ĝis G♯ (super G). Por eviti tiun ĉi oni uzas, flanke de tiu ĉi formo, duan specon de molgamo, t.e. oni superigas ankaŭ la 6$^{an}$ noton de l'altenira molgamo per 1 duontono, donante al ĝi eksterordan kromsignon aŭ altigilon; revene oni revokas ambaŭ :

En tiu lasta formo la molgamo estas *plene* diatona, ĉar ĝi konsistas el 5 plentonoj kaj 3 duontonoj.

La parenceco de tiu molgamo al sia durgamo sin montras en ĝia revena formo.

Ambaŭ estas multe uzataj kaj estas necese ekzercadi ambaŭ. Kelkaj muzikverkistoj ne interkonsentas plene pri la parenceco de dur- kaj molgamoj, kiuj havas la samajn gamsignojn; estas tamen tre videble ke ekzistas parenceco, kaj estas plej facile lerni la gamojn per ĝi.

La parenca molgamo de ia durgamo estas do tiu, kies toniko kuŝas moltercon sub la toniko de tiu durgamo.

Ĉiu durgamo prezentas unu molgamon.

Por altigi la 6$^{an}$ kaj 7$^{an}$ de noton de molgamo oni uzas, laŭbezone, la diversajn kromsignojn :



Ekzistas 30 diatonaj gamoj, tio estas 15 duraj kaj 15 molaj.

## Ĉapitro VII. — La Gamo kromatika [1].

Se oni altigas aŭ subigas per kromsignoj la plentonojn de diatona gamo, sen ke oni ŝanĝas ilian lokon sur la liniaro (t. e. aldonante nur kromsignojn) ĝi fariĝas gamo el duontonoj, nomata kromatika gamo.

[1] E. kromatika, A. chromatic, G. chromatisch, F. chromatique, Gr. chromatikos, L. chromaticus.

Se do oni ŝanĝos la sonon de ia noto per kromsigno, sen ŝanĝo de ĝia loko sur la liniaro, kaj sen ŝanĝo de ĝia nomo, aldonante nur « altigita », « subigita » aŭ « sensigna » al ĝia nomo, tiun ĉi oni nomas *kromatika ŝanĝo.*

*Kromatikaj* duontonoj estas :



*Diatonoj* duontonaj estas :



La metado de l'notoj sur papero nomiĝas muziknotado[1]. (Krom la ordinara notado oni uzas ankaŭ Sol-Fa[2] estas la arto per kiu oni esprimas *skribe* muzikajn ideojn.

## Ĉapitro VIII. — La Intervaloj[3].

*Intervalo* estas la distanco de unu noto al alia, t.e. la proksimeco aŭ malproksimeco inter du sonoj.

Intersondistanco aŭ sondistanco difinas la vorton logike kaj sekve Esperante, tamen estas eble preferinde uzi la internacian vorton « intervalo » (kvankam « intervaloj » estas montoj).

Oni nomas ilin laŭ la nombro da gradoj; kiuj ilin disigas, ekz. estas intervalo de 2 gradoj aŭ tonoj, C ĝis D, kaj tiu sondistanco nomiĝas *sekundo*[4].

Intervaloj kiuj okazas en senŝanĝa diatona gamo, nomiĝas diatonaj intervaloj; tiuj okazantaj en kromatika gamo, estas kromatikaj intervaloj.

Unusoneco aŭ *unizono*[5] signifas la ripetadon de unu sama noto, ĉu alta

---

[1] E. Muziknotado, A. musical notation, G. Notirung Tonschrift, F. notation musicale, L. notatio.

[2] En tiu sistemo oni uzas literojn por reprezenti la notojn, kaj ĝi estas uzata precipe por instrui popolkantojn k.t.p. en lernejoj, kie la lernantoj ne ĉiuj scias muziknotadon.

[3] E. intervalo, A. interval, F. intervalle, G. Intervall, It. intervallo, L. intervallum.

[4] La termino *sekundo* jam estas teĥnike uzata en muziko, geometrio, trigonometrio, tipografio, astronomio, k.t.p. en nia ĉiutaga parolo ĝi signifas la 60ª parto de minuto. Estas tia en niaj ĉeflingoj kaj ĉar sekundo (latindevena) signifas : « tio kio sekvas ion, kio estas unua aŭ tuj antaŭa », ŝajnas ke la vorto *sekundo* estas ankaŭ plene taŭga por muzika termino en Esperanto.

[5] E. Unizono, A. unisson, F. unisson, G. Prime (Einklang), It. unisono, L. unisonus (samsoneco).

*Unizono* (t.e. « unusoneco » aŭ pli bone « *samsoneco* ») estas jam sufiĉe internacia vorto; restas do nur la demando ĉu la *orelo* aŭ la *okulo* estu kontentigita. Se oni skribas « unisono », ĝi estas rekonebla por unu aŭ du nacioj, sed por aliaj la unua silabo estas erariga, ĉar esperantistoj pensos, ke ĝi estas kunmetita vorto, kaj ke « uni » estas preseraro por « unu ». Mi do preferas uzi la vorton « unizono », kiu akordiĝas kun la dolĉa sono de l'sama vorto en mia nacilingvo; tiamaniero ankaŭ ni sekvos la silabadon de *muziko, Parizo, Zamenhof,* k.t.p. kiuj originallitere havas « s » kaj originalelparole sonas z.

aŭ malalta, per diversaj voĉoj (aŭ instrumentoj) : unizono do ne povas esti nomata *intervalo,* tamen, por loki ĝin, oni kalkulas ĝin en tiu ĉi kategorio.

*La diatonaj intervaloj* estas :

molsekundo [2] kiu konsistas el 1 duontono.

dursekundo [1] kiu konsistas el 1 plentono.

molterco [2] » » » 1 plentono kaj 1 duontono.

durterco » » » 2 plentonoj.

plenkvarto [3] » » » 2 plentonoj kaj 1 duontono.

tritonkvarto » » » 3 plentonoj.

neplena kvinto [4] » » » 2 plentonoj kaj 2 duontonoj.

plenkvinto » » » 3 plentonoj kaj 1 duontono.

molsesto [5] » » » 3 plentonoj kaj 2 duontonoj.

dursesto kiu konsistas el 4 plentonoj kaj 1 duontono.

molsepto [6] (aŭ septimo) » » » 4 plentonoj kaj 2 duontonoj.

dursepto » » » 5 plentonoj kaj 2 duontonoj.

plenoktavo (aŭ okto kiam kumetita) » » » 5 plentonoj kaj 2 duontonoj.

molnono [7] » » » 5 plentonoj kaj 3 duontonoj.

durnono » » » 6 plentonoj kaj 2 duontonoj.

Oni ankaŭ uzas *sekundokto, tercokto,* ktp. ; tio estas : oktavo kun sekundo, terco [2] kun oktavo [1] ktp.

---

[1] E. sekundo, A. second, F. seconde, G. Sekunde, I. seconda, L. secunda (toni).
[2] E. terco, A. third, F. tierce, G. Terze, It. terzo, L. tertia.
[3] E. kvarto, A. fourth, F. quarte, G. Quarte, It. quarta, L. quarta.
[4] E. kvinto, A. fifth, F. quinte, G. Quinte, It. quinta, L. quinta.
[5] E. sesto, A. sixth, F. sixte, G. Sexte, It. sesta, L. sexta.
[6] E. septo, A. seventh, F. septième, G. Septime, It. settima, L. nona.
[7] E. nono, A. ninth, F. neuvième, G. none. It. nona, L. nona.

Intervaloj kiuj kuŝas en oktavo nomiĝas *simplaj*, dum la nono, sekundokto ktp. estas nur en kelkaj okazoj simplaj, kaj alie estas *malsimplaj* intervaloj. Tinj lastaj ne estas tiel ofte uzataj kiel la simplaj.

*Tritonkvarto* okazas nur sur la subdominanto de durgamo; kaj *neplena kvinto* povas nur okazi sur la subtoniko (averta aŭ 7ª noto).

Tiuj ĉi diatonaj intervaloj sin trovas en ĉiu diatona ĝamo.

La *kromatikaj intervaloj* fariĝas per kromatika ŝanĝo de la notoj de ia diatona intervalo per superiĝo (altiĝo) aŭ subiĝo.

Kromatikaj intervaloj estas :

supersekundo[1] kiu konsistas el 3 duontonoj.

subterco[2] » » » 2 duontonoj.

subkvarto » » » 4 duontonoj.

superkvinto » » » 8 duontonoj.

supersesto kiu konsistas el 10 duontonoj.

subsepto » » » 9 duontonoj.

suboktavo (subokto) » » » 11 duontonoj.

superokto » » » 13 duontonoj.

supernono » » » 15 duontonoj.

La intervaloj havas ciuj sian *inversion*[3] (vidu ĉap[on] XV[a]); ekzemple, la inversio, t. e. sinturniĝo aŭ maliĝo de molterco fariĝas dursesto :

molterco. dursesto.

konforme sekundo fariĝas septo, kaj male septo fariĝas sekundo; terco farigas sesto, kaj male; kvarto fariĝas kvinto, kaj male ktp.

Molintervaloj fariĝas duraj, koj male; subaj intervaloj fariĝas superaj, kaj male, sed plenaj restas *plenaj*.

Nur la intervaloj entenataj en oktavo havas inversion, ĉar inversio ja nur estas « kompletiĝo » de si mem, t.e, tio kio post realdono al la intervalo kompletigas la oktavon :

[1] Super = kies nombro da tonoj estas *super* ĝia ordinara nombro.
[2] Sub = kies nombro da tonoj estas *sub* ĝia ordinora nombro.
[3] E. inversio, A. inversion, F. inversion, G. Umkehrung, It. inversione, L. inversio.

Kunmetitaj sonoj (t. e. intervaloj), kiuj estas plene kontentigaj por la orelo en sia restada stato, t. e. kiuj ne bezonas ian ne en si mem entenatan finon aŭ alian tonkunmeton da notoj, nomiĝas *konsonancoj* [1].

Tiuj intervaloj kiuj kontraŭe estas malkontentigaj por la orelo kaj bezonas finiĝon, nomiĝas *disonancoj* [2].

Kiam bezonata tonkunmeto (aŭ akordo [3]) sekvas disonancon por kontentigi la orelon, tio nomiĝas liberiĝo aŭ *solvo* [4].

*Puraj* konsonancoj (t. e. konsonancaj tonkunmetoj aŭ tonkombinoj) estas :

*Plenokto* (aŭ oktavo) *plenkvinto, plenkvarto* kaj *unizono* (ripeto de ia sama noto per diversaj voĉoj aŭ instrumentoj).

*Nepuraj* konsonancoj estas :

Mol- kaj durterco, kaj mol- kaj dursesto.

Ĉiuj aliaj estas *disonancoj*.

Ad. Ŝefer,
*Londono (Angl.).*

Rimarko. — Naciaj muzikterminaroj neniam *plene* akordiĝas en ĉio, t.e. kelkaj verkistoj uzas tiun aŭ alian terminon, kiu ne estas ĉie alprenata, sed kiun oni povas tamen kompreni, se okazi, ĉar oni povas uzi la vere internaciajn terminojn, ĉie la naciterminoj — se tiuj ne estas taŭgaj — uzi klare kompreneblajn logikajn terminojn Esperantajn.

# KORESPONDADO

## Pri la teorio de Antido.

*(sekvo)*

El Sro E. Kuder (Zurich) :

Nur hodiaŭ mi trovas okazon danki vin por la laste el vi ricevita verko « Resumo de la teorio de Antido ». Ĉiuj kritikoj kaj recenzoj entenataj en la broŝuro nur konfirmas la fakton, ke via studo pri la Esperanta derivado estas epoka faro, kaj des pli mi ĝojas ĉar en la broŝuro mi legis, ke vi intencas ankoraŭ daŭrigi viajn studojn, kaj ilin publikigi en aparta presaĵo. Mi donas sincerajn gratulojn al tiu denova entrepreno. Vi estas prava dirante, ke la respondo de Sro Couturat ne trafas nin Esperantistojn, ĉar kiel vi diris, ĝi serĉas pruvi la ĝustecon de la biblio per la biblio mem. Tio do ne estas kritiko.

El Sro D. H. Lambert (London) :

Mi kun intereso ekzamenas la enhavon de viaj broŝuroj koncerne la sistemon Antido, pri kiu mi plezure donos al vi mian opinion. Eble vi baldaŭ legos « La vortfarado en Esperanto » de Ĉefeĉ, kiu jus aperis kaj kiu pritraktas la saman temon kiel vi.

---

[1] E. konsonanco, A. concord, consonance, F. consonnance (accord), G. Wohlklang, Konsonanz, It. accordo consona, consonanza, L. consonantia, Gr. symphonie.

[2] E. disonanco, A. discord, dissonance, F. dissonance, G. Missklang, Dissonanz, It. accordo, dissono, dissonanza, L. dissonantia, Gr. asymphonie.

[3] E. akordo, A. chord, E. accord, G. Akkord, It. accordo, L. chorda, Gr. chorde.

[4] E. solvo (disiĝo de malkontentigaj sonoj), A. resolution, F. résolution, G. Auflösung, It. rezoluzione, L. resolutio (resolvo).

Intertempe mi opinias ke Ido trostreĉis kaj trograndigis sian sistemon de derivado, kiu emas forpreni el Esperanto ĝian simplon, kvaliton plej esencan por Lingvo Internacia.

*(Trad. el Franca lingvo.)*

El S^ro^ Rollet de l'Isle (Paris) :

Mi intencis skribi por signi al vi strangan mallogikajon de S^ro^ Couturat. Vi scias, ke li pretendas, ke unu el la superecoj de Ido je Esperanto estas la divido de la radikoj en nur du klasojn (radikoj nomaj kaj radikoj verbaj), dum ni havas tri en Esperanto (noma, adjektiva kaj verba).

Nu en « Progreso », decembro 1908, p. 562, li skribis : ..... la metodo konsideri *bona sistemo* kiel ekvivalenta je *sistemo qua esas bono* estas malĝusta kaj malmulte serioza, ĉar adjektivo *bona* estas **primitiva**..... » !!

Kaj en « Progreso », Oktobro 1908, p. 453 : « .... S^ro^ Christaller ne komprenas kial ni diras *germanala* kaj *romanala* sed ne *anglala, slavala*. Ĉu li ne konas la diferencon inter adjektivo **primitiva** kaj adjektivo **derivata?**... *kompleta* estas adjektivo *primitiva*... » !!

Mi ankaŭ deziris skribi al vi pri la participo *parolanto*, sed vi mem korektis la eraretoń, kiun vi faris. Sed mi ne komprenas, kial vi aldonas, ke « povas okazi kelkafoje dubo ĉu la participo entenas ideon de persono aŭ ne ». Se ekzistas dubo, tio montras nur, ke la principo de neceso ne estas plenumita ; oni do devas aldoni *ulo* aŭ *ajo*. Oni ne bezonas la kuntekston ; *parolantulo* estus ridinda, tamen oni povas diri *falantulo falantajo*, reduktеblaj al *falanto* se tion permesas la klareco.

*(Trad. el Franca lingvo.)*

*Respondo* : 1^e^ Mi ankaŭ pli kaj pli konvinkiĝas ke la sistemo de Ido estas bazita sur *tri* klasoj da radikoj, kvankam S^ro^ Couturat pretendas ke ekzistas nur du klasoj en lia sistemo. La fakto, ke li diras ekzemple *Ido esas la plej facila, logikala e harmonioza linguo internaciona*, montras ke li konsideras radikon *facil* kiel adjektivan kaj radikojn *logik, harmoni* kiel substantivajn. Se oni forigus, ambaŭ en Ido kaj en Esperanto, ĉiujn la finaĵojn neutilajn laŭ logika vidpunkto, oni ricevus la du frazojn :

*Ido esas la plej facil, logik-al e harmoni-oz lingu internacion-al,*

kaj

*Esperanto estas la plej facil, logik-a kaj harmoni-a lingv internaci-a.*

Oni vidas do, ke la du sistemoj ne estas tiel malsimilaj, kiel ili ŝajnas unuavide ; oni devas nur atenti ke la finaĵo *a* en Esperanto kunrespondas en Ido, ne al la finaĵo *a*, sed al sufiksoj *al* kaj *oz*, kiuj (en Ido) estas simplaj adjektivigiloj : E. *-a* = I. *-al* = I. *-oz*[1]. La skribmaniero de Esp. estas multe pli praktika kaj rapida, ĉar oni ne bezonas pensi pri la naturo de la radiko, kaj malgraŭ tio la logike neutilaj finaĵoj estas multe malpli grandnombraj en Esp. ol en Ido : ekzemple finaĵo *a* en Esp. estas logike neutila nur post radikoj adjektivaj, dum en Ido *ĉiuj* finaĵoj *a* estas logike senvaloraj kaj povus esti forlasataj.

2^e^ Mi tute konsentas kun viaj rimarkoj koncerne la participon kaj la manieron apliki al ĝi la principojn de neceso kaj de sufiĉo.

Antido.

El S^ro^ W. Anttila (Helsingfors) :

Havinte la honoron kaj ĝojon ricevi de vi viajn admirindajn verkojn *La construction logique*... kaj *Resumo de teorio de Antido*, mi petas vin akcepti, kune kun sincera danko la senflatan certigon, ke via genio, laboremo kaj oferemo por la scienca klarigo de l'interna konstruo de Esperanto vicigas vin inter la plej merithavaj majstroj de nia lingvo internacia.

La kaŭzo kial mi ĝis nun prokrastis esprimadon de mia danko, estis la deziro tion fari ne nur per simpla letero sed ankaŭ per sendo al vi de aperonta nova Finna-Esp. vortaro, kiun mi de jaroj verkas... Kiam la vortaro estos elirinta, mi sendos al vi unu ekzempleron por ankaŭ tiamaniere montri al vi, ke via laborado alportis grandan utilon al Esperantismo en Finlando, ĉar mi povis ankoraŭ enigi en la manuskripton de

---

[1] Oni povus diri tiel bone *logikoza e harmoniala linguo*, kiel *logikala e harmonioza linguo* ĉar sufikso *al* en Ido estas ne nur « rilata » sed ankaŭ « kvalita » : *homala* signifas ne nur « rilata al homo » sed ankaŭ « hom-kvalita » (F. *humain*) do I. *homala* = E. *homa*

l'nomita vortaro tutan serion da korektaĵoj konforme al via sistemo, kiun mi plene aprobas.

Fine permesu al mi tuŝeti unu punkton en via derivado. En la jam presitaj folioj de mia vortaro troviĝas kvar substantivoj kun sufikso *-in* sen la ordinare uzata *-ul*, nome : *maljunino, elegantino, prostituino, belino*. Sed nuntempe mi komencas heziti pri tiuj ĉi formoj, precipe pri la tria, kiu estas devenigita el verba radiko. La sufiksoj* *ul* kaj *in* ŝajnas esti ne kunrespondaj : *ul* signifas « persono » sed *in* « virinseksa viva estaĵo ».

*Respondo :* Oni povas akcepti, ke *ul* signifas antaŭ ĉio « homa persono », dum *in* estas uzata tiel ofte por bestoj ol por homoj ; do *junulino, belulino* estas pli precizaj (do pli ĝustaj) ol *junino, belino* kiam oni parolas pri homaj estuloj, sed pro la kunteksto *junino, belino* ofte sufiĉas.

Alia diferenco inter *ul* kaj *in* estas ke la unua estas sufikso je ligo elasta (algluebla al ĉiuspecaj radikoj) dum *in* estas sufikso je ligo rigida (algluebla nur al substantivoj (grupo *ul*) kaj al adjektivoj. Oni do ne povas diri *prostituino*, sed *prostituulino* aŭ pli bone *prostituitino* (participo pasiva).

ANTIDO.

## El S^ro^ A. MICHAUX (Boulogne-sur-Mer).

Mi sincere dankas vin pri la verkoj, kiujn vi bonvolis sendi al mi kaj mi studas ilin *pasie*. Mi diros al vi mian opinion, kiam mi finos mian komparan studon, ĉar oni devas multe pripensi la gajnojn kaj malgajnojn ricevitajn de la diversaj sistemoj, antaŭ ol klare konkludi. Intertempe mi min asociiĝas al la opinio esprimita de mia amiko Sentis, kaj kun li mi esprimas la deziron, ke vi povos daŭrigi viajn konsciencajn studojn, nezorgante pri la laŭdoj aŭ mallaŭdoj kiuj ne mankos al vi...

*Via regulo (principoj de neceso kaj de sufiĉo) estas perfekta.*

## El « Sveda Esperantisto ».

En la historio de Esperanto jus okazis multegrava afero, kiun oni vole-nevole nepre devas atenti. Estas la eldono de la nova broŝuro de Antido. La verko evidente havas kapablojn precizigi multajn aferojn, ĝis nun pli-malpli malklarajn, kaj pro tio ni devas saluti ĝin tre ĝoje. Oni trovas en ĝi la tute klaran kaj pure logikan teorion pri la vortfarado en nia lingvo, kiun ni longtempe deziris

La ĉefaj fundamentaj principoj de la verko estas : 1^e^ ĉiu Esperanta vorto estas konsiderata laŭ du principoj (de neceso kaj de sufiĉo), kaj la senco de la vorto dependas nur de tio, kion montras ĝiaj diversaj partoj ; 2^e^ la finaĵoj *-a, -o, -i, -e*, estas ne nur gramatikaj sed ili enhavas sencojn, same kiel sufiksoj : *-o* enhavas ideon de estulo aŭ estaĵo, *-a* enhavas ideon kvalitan, ktp.

Laŭ la detale montritaj leĝoj por la uzado de nia lingvo, ni povas konstati en la ĝisnuna uzado kelkfojan trouzon de la sufiksoj en nia lingvo. Ekzemple la aŭtoro montras, ke la formo *virgino* tute sufiĉas, anstataŭ la formo *virgulino*, ĉar la sufikso *in* jam enhavas ideon de *ul*.

La montrita sistemo bone konformiĝas al ĝenerala uzado de bonaj Esperanto-aŭtoroj. Per sia bonega verko Antido do klare montris kiom malpravaj estas tiuj, kiuj asertas ke Esperanto ne posedas logikan sistemon por vortfarado. Esperanto ne nur posedas tian sistemon, sed — ankoraŭ pli — ĝi estas la sola sistemo en kiu la senco de la vortoj dependas nur de la vorto mem, kaj neniel de arbitraj reguloj pri derivado.

* *

## El S^ro^ BICKNELL (Bordighera) :

... Tamen almenaŭ nun mi povas vin danki pli sincere, ĉar mi havis la tempon por tralegi kaj *ofte* tralegi viajn verkojn. Ĉiuj multe interesis kaj interesas min. La unua (*Logika bazo de vortfarado en Esperanto*) certe faras tre grandan servon al la Esperantistoj kaj oni ne povas tro laŭdi ĝin..... Bonvolu akcepti, kvankam tiel malfrue, miajn gratulojn kaj dankesprimojn. Laŭ mia eblo mi konatigos viajn verkojn al la Italaj Esperantistoj.

## El « Pola Esperantisto » :

Estas jam hodiaŭ nenia sekreto, ke sub la pseŭdonimo de ANTIDO kaŝas sian nomon la direktoro de « Int. Scien. Rev. », Esperantista akademiano, prof. D^ro^ René DE SAUSSURE. La broŝuro estas hodiaŭ vive

priparolata en vastaj rondoj de niaj samideanoj, interesiĝantaj pri la teoria flanko de nia lingvo, kaj, preskaŭ ĉie ĝi vekas ĝeneralan entuziasmon. Longan serion de tiaj aprobantaj voĉoj, publikigitaj jam en la «Scienca Revuo», malfermas nia majstro mem.

Oni povus alcentrigi ĉiujn la opiniojn en unu solan frazon : La aŭtoro jetis torenton da lumo sur la fundamentojn de Esperanto kaj vidigis, ke ili estas neskueble fortaj.

La kontraŭuloj de Esperanto riproĉis al nia lingvo, ke ĝi ne havas logikan bazon de vortfarado kaj ili konstruis apriori bazon, kiu montriĝis poste neuzebla. S^ro de Saussure pruvis nun aposteriori, ke la logika bazo de Esperanto ne nur ekzistas, sed ke ĝi estas la sola ebla en lingvo taŭga por internacia uzado.

Li esprimis klare kaj precize, kion sentis antaŭ li la Esperantistoj, kvankam tio ne estis formulita.

La ĉefaj principoj estas : « La vortfarado en Esperanto estas fondita sur la logika kaj senpera konstruo de ĉiu aparta vorto kaj ne sur tiel nomitaj reguloj pri derivado.

*Principo de neceso :* En konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝojn, necesajn por esprimi plene la ideon reprezentotan de tiu vorto.

*Principo de sufiĉo :* Oni devas kiel eble plej eviti dufojan ripeton de la sama ideo en la sama vorto, oni ne devas enkonduki en la vorton fremdajn ideojn ne entenatajn en la ideo esprimota.

Tion ebligas la cirkonstanco, ke la finiĝoj *-o, -a, -i, -e,* havas ne nur gramatikan rolon, sed ankaŭ difinitan logikan sencon.

Ni ne montras la konsekvencojn de tiuj principoj, kaj ne ilustras ilin per ekzemploj, ĉar ni volis nur atentigi la legantojn sur tiun eminentan verkon, kaj ĉar ni estas certaj, ke ĝi troviĝos en la manoj de ĉiuj interesiĝantaj pri tiu grava afero.

*ski.*

El ĵurnalo « Progreso » (Feb. 1911, p. 680) :

***Pri adjektivo substantivigita :*** ... La uzo de l'adjektivo kiel substantivo estas plej internacia. Kaj tio ne okazas nur en la modernaj lingvoj... en Greka lingvo *oi kaloi, oi agathoi,* diferas de l'adjektivo nur per la artikolo... Kaj tiu unuanima konsento de lingvoj kunakordiĝas kun la logiko, ĉar ***blinda*** kaj ***blindo, riĉa*** kaj ***riĉo*** havas (en Ido) precize la saman sencon, escepte ke unu estas adjektivo, do atributo aldonita al substanco, kaj la alia estas substantivo, do montras *la substancon,* la enton mem.

*Respondo :* Mi ne scias kiu skribis la ĉi supran artikolon (S^ro Couturat aŭ S^ro de Janko?), sed ĝia aŭtoro kaptas sin per siaj propraj paroloj, dirante : « unu estas adjektivo, do atributo *aldonita* al substanco kaj la alia estas substantivo do montras la substancon mem », ĉar tio signifas precize ke la substanco *ne* estas esprimata per la adjektivo, sed per la substantivo al kiu la adjektivo estas *aldonata.* (Do uzi la saman radikon por ludi ambaŭ rolojn estas kontraŭa al principo de nevariebleco de la radikoj). Ekzemple : en la esprimo *la granda arbo,* la adjektivo *granda* estas la atributo aldonita al la substanco *arbo;* kaj se la substantivo mankas, tio signifas nur ke, laŭ principo de malplej penado, oni ne bezonas esprimi aŭ ripeti ĝin, ĉu pro la kunteksto, ĉu pro la artikolo, kies rolo estas precize anstataŭi la mankantan substantivon, ĉar artikolo normale antaŭiras substantivon; do : F. ***un beau*** signifas ***un (homme) beau,*** nur se ekzistas nenia dubo ke oni parolas pri persono, ĉar se oni diras ekzemple « *aujourd'hui, c'est le grand beau* », tio signifas « *le grand beau temps* », ĉar oni sufiĉe komprenas ke oni parolas pri la vetero.

Do la vorto *belo* ne povas *per si mem* signifi *bela homo* (escepte per arbitra regulo), des pli ke la substanco kies atributo estas *bel* povas havi tri aspektojn egale akcepteblajn : ĉu persono, ĉu abstraktaĵo, ĉu materiaĵo. Do kial uzi sufikson *aj* por montri « materiaĵon bel » (*belajo*), kaj ne uzi sufikson *ul* por montri « personon bel » (*belo*)?

En Ido la vorto *belo* estas absurdaĵo, ĉar (en Ido) finaĵoj *a, o* enhavas absolute nenian ideon : *a* signifas « mi estas adjektivo », *o* signifas « mi estas substantivo »; do, en vorto *bela, a* estas logike

neutila ĉar oni jam scias ke la radiko *bel* estas adjektivo; en vorto *belo, o* estas nur trompilo, ĉar ĝi proklamas ke radiko *bel* estas substantivo, dum ĝi estas adjektivo! Adjektivo ne povas, kaj neniam povas esti alio al adjektivo; ĝi povas esti *aldonata* al substantivo (ekz. *bel dom*), aŭ kunfandata kun substantivo en unu vorton (ekz. *granddukj*), aŭ kunfandata kun substantiva sufikso (ekz. *grandul*), aŭ eĉ kunfandata kun substantiva finaĵo *o* (ekz. *grando*), kondiĉe ke tiu finaĵo enhavu en si mem la « ideon substantivan », kiel okazas en Esperanto, ĉar tiam *o* estas en si mem vera substantivo (*o* = *kio estas*), kaj la vorto *grand-o* ne plus estas simpla vorto sed kunmetita vorto (adjektivo-substantivo), tute same kiel la vortoj *grand-ul, granddukj*, ĉar *o* estas vera sufiko.

Laŭ S[ro] Couturat : = *belo* = *ulo bela*, ĉar adjektiva radiko ne esprimas ideon kvalitan sed « la individuon (objekton), kiu posedas la kvaliton ». Tio signifas ke radiko *bel* entenas en si mem la ideon de persono aŭ de objekto : se oni supozas ke ĝi entenas ideon de persono, tiam laŭ regulo 10[a] de la gramatiko de Ido (« *vortoj estas konstruitaj el nevarieblaj elementoj, kiuj havas ĉiam identan sencon* »), la adjektivo *bela* ankaŭ enhavas ideon de persono, ĉar ĝi enhavas radikon *bel*, kaj *bela ĝardeno* ekzemple signifus « ĝardeno kiu estas bela persono »; se kontraŭe radiko *bel* entenas en si mem ideon de objekto, tiam oni devas aldoni sufikson *ul* kiam la objekto fariĝas persono. Do ĉiuokaze, la difino *belo* = *ulo bela* ne taŭgas.

Kontraŭe, se oni akceptas ke ideo adjektiva estas ideo kvalita (*ec*), tiam en la tri vortoj *belulo, belaĵo, beleco*, nur la sufikso *ec* estas forigebla, ĉar ideo *bel* entenas ideon *ec* en si mem, do *beleco* = *belo* = *kio estas ec*, (speco *bel*) = *eco* « *bel* ».

Antido.

## El Prof. L. Couturat (Paris) :

Mi sincere dankas vin pro la bona akcepto, kiun vifaris al mia artikolo en I. Sc.R. kaj pro la tute lojala diskuto al kiu vi submetis ĝin.

Mi neniel intencas daŭrigi la diskutadon; mi deklaras min kontenta, kaj opinias kiel vi ke la du tezoj aŭ sistemoj estas nun plene montritaj. Tamen, ĉar vi elmetas iajn demandojn pri Ido, mi estas instigata respondi tre mallonge per la ĉi subaj linioj, kiujn mi redaktis *en Esperanto* por eviti al vi la penon aŭ la tedon ilin traduki.

Mi vin gratulas vigle pro ke vi fine (kaj iom malfrue) transportis la diskuton sur ĝian veran kampon, kaj mi estas konvinkita ke via konduto (se ĝin sekvas aliaj) multe efikos por la paco kaj interkonsento, kiujn ni ne ĉesis deziri.

1. Mi ne aplikis al la kritiko de Esperanto la principojn de Ido, ĉar kiam mi verkis kaj eldonis mian *Etude sur la Dérivation en Esperanto*, la projekto de Ido ne jam ekzistis (ĝi aperis la 15[an] de oktobro, kaj mia *Etude* en komenco de aŭgusto 1907). Mia *Etude* koncernas nur Esperanton, kiel oni vidas klare legante ĝin[1].

2. Gi traktis nur Esperanton « Fundamentan » en ĝia primitiva formo. Nu en la Fundamento oni legas : « *-o* marque le substantif; *-a* marque l'adjectif, ex *hom'*, homme, *hom'a*, humain; *-i* marque l'infinitif, ex. *laŭd'i*, louer ». La frazo de Zamenhof : « la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj ankaŭ kiel memstaraj vortoj » signifas nur, ke ili estas elementoj neŝanĝeblaj kaj kunglueblaj, ne ke ili havas apartan sencon : efektive, dum Zamenhof uzas la sufiksojn kiel apartajn vortojn, li neniam uzis *o, a, e, i* samamaniere[2].

---

[1] Evidente tie ĉi S[ro] Couturat ludas je vortoj, ĉar estas tute egale ĉu oni nomas tiujn principojn principoj de Ido aŭ principoj de S[ro] Couturat; la fakto restas, ke en sia *Etude* S[ro] C. donas al la finaĵoj *o, a, i, e* rolon tute alian ol tiu kiun ili havas en Esperanto; do lia tuta kritiko tute ne koncernas Esperanton kiel li kredas, sed nur lingvon similan al Esperanto en kiu oni anstataŭus la veran sencon de la gramatikaj finaĵoj (*o* = *ul* aŭ *aj, a* = *ec, i* = *ag*) per la rolo donita al ili de S[ro] C. kaj poste akceptita en Ido. Sed tia lingvo neniam ekzistis escepte en la cerbo de S[ro] C. (Antido).

[2] Mi ne pretendas, ke Zamenhof montris la rolon de la finaĵoj laŭ maniero absolute klara kaj konforma al la metodoj de la logikistoj; kaj tion mi jam diris en mia

3. Mi diris : « sekve, la gramatikaj finajoj havas nur gramatikan sencon kaj rolon », ĉar ŝajnis al mi evidente ke laŭ la principo de unusenceco, estas neeble, ke la gramatikaj finajoj ludu du rolojn : la rolon de gramatikaj finajoj, montranta nur la specon gramatikan de la vorto; kaj la rolon de « memstaraj vortoj » aŭ de afiksoj, enkondukantaj specialan ideon. Ekzemple *-a* estas nur gramatika finajo en *bel-a*, sed ĝi iĝas derivo-sufikso en *hom-a*[1].

---

« Construction logique .. » p. 16. Mi precize skribis la teorion de Antido por prezenti la ideojn de Zamenhof laŭ la manieroj kutimaj al la profesiaj logikistoj, kaj se Z. jam estus mem farinta tion, mi ne estus bezoninta skribi la teorion de Antido. Do se logikisto volas kritiki Esperanton, li devas funde esplori tiun lingvon, kaj se li trovas ke iaj difinoj estas neklaraj, li ne devas tuj anstataŭi ilin per aliaj, eble pli klaraj, sed ne konformaj al la lingvo kiun li studas : li devas unue kompari tiujn difinojn al iliaj aplikoj ĉu en la gramatiko, ĉu en la literaturo, kaj fine akcepti ne la ŝajnan, sed la veran sencon de tiuj neklaraj difinoj. Kiam la Fundamento diras ekzemple « *-a* marque l'adjectif », tiu frazo en si mem estas klara ; ĝi povas nur signifi : « *-a* enhavas en si mem la ideon adjektivan (kvalitan aŭ rilatan) », ĉar laŭ la difino de la Fundamento ĉiu vorto kiu finiĝas per *a* estas adjektivo ; nu, vorto estas adjektivo nur se almenaŭ ĝia lasta parto estas adjektivo (ekz. *mirind* estas adjektivo ĉar sufikso *ind* estas adjektivo); aliflanke la Fundamento ne malpermesas uzi finajon *a* kun iu ajn radiko, sekve se oni algluas finajon *a* al substantiva radiko kiel *hom*, oni ricevas vorton kiu estas adjektivo ; ĉar *hom* ne estas adjektivo, la finajo *a* devas mem ludi la rolon de adjektivo, t.e. ĝi entenas la ideon adjektivan en si mem. Sed se S[ro] C. trovas ke la difino de la Fundamento ne estas sufiĉe klara, li ne povas nei ke la ekzemplo : *hom' = homme, hom'a = hum-ain*, montras : 1[e] ke *homo = hom*, do ke la finajoj gramatikaj perdas sian signifon (t.e. sian logikan valoron) kiam oni algluas ilin al radiko samklasa, ekz. finajo *-o* kun radiko substantiva kiel *hom*; 2[e] ke en vorto *hom'a* finajo *a* havas precize la saman valoron kiel sufikso *ain* en Franca vorto *hum-ain*, do finajo *-a* enhavas ideon « kvalitan » aŭ « rilatan » ĉar *humain* signifas ĉu *hom-kvalit* (= *hom-ec*), ĉu *rilata al homo*, t.e. *-a* estas vera sufikso (ĝenerale *a = ec*, do *homao = homeco = humanité*). Nu, se *a* estas vera sufikso, estas verŝajne ke la aliaj finajoj *o, i, e* ankaŭ estas sufiksoj, kaj se la ĉi supraj difinoj de la Fundamento ne estas sufiĉe klaraj pri tio, oni devas serĉi aliloke en la literaturo Esperanta kaj antaŭ ĉio en la Fund. Krestomatio. Tie Zamenhof diras (p. 249) « finajo *-o* = kio estas, kio ekzistas » kaj tio pruvas ke tiu finajo estas vera sufikso ĉar ĝi havas difinitan sencon, kaj tiu senco estas nenio alia ol la *substantiva ideo*, tute same kiel la senco de *a* estas la *adjektiva ideo* kaj la senco de *i* estas la *verba ideo*. — La fakto ke Z. neniam uzis la finajojn kiel memstarajn vortojn pruvas nenion, ĉar tia uzo estus nepraktika pro eŭfoniaj kaŭzoj kaj estas preferinde uzi anstataŭe la ekvivalentajn sufiksojn : *ul, aj, ec, ag*. (A.)

[1] S[ro] C. forgesas, ke la ideo mem uzi specialajn finajojn por montri *nur* la rolon gramatikan de la vorto estas ideo elpensita de li kaj ekzistanta nek en Esperanto nek en iu ajn el la lingvoj naturaj. Prof. Peano prave diris (Resumo de Teorio de Antido, p. 37), ke la gramatikaj finajoj de la lingvo Ido estas « divido de nenio en pluraj kategorioj ». En ĉiuj lingvoj la gramatika rolo estas entenata ĉu en la radiko mem (ekz. F. *grand* estas adjektivo), ĉu en la lasta afikso (ekz. F. *violoniste* estas substantivo ĉar sufikso *iste* estas substantivo, F. *humain* estas adjektivo ĉar sufikso *ain* estas adjektivo, kaj la sola diferenco inter *iste* kaj *ain* estas ke sufikso *iste*, entenas, krom la *ĝenerala* substantiva ideo, ankaŭ *specialan* ideon de metio, profesio, dum sufikso *ain* entenas nur la *ĝeneralan* adjektivan ideon (kvalitan aŭ rilatan), do F. *ain* = E. *a* (aŭ *ec*). Kompreneble en la Esp. vorto *granda*, finajo *a* estas tute superflua laŭ la logika vidpunkto; sufiĉus diri *grand* ĉar la laŭvorta traduko de *granda* estas en Franca lingvo *grandeux*, aŭ en Germana *grosslich*. (La duoblaj formoj F. *riche, richard* aŭ G. *süss, süsslich* estas similaj al *grand, grandeur*). Do se S[ro] C. volas kritiki Esp. laŭ la logika vidpunkto li bezonas nur diri kun Prof. Peano « la sistemo de derivado *o, a, i* de Antido estas ĝusta sed ĝi estus ankoraŭ pli klara se oni forigus tiujn finajojn kiam ili estas nenecesaj *(hom, grand, skrib)* ». Sed al tio mi jam respondis : 1[e] ke en *homo, granda, skribi* la finajoj *o, a, i* havas eŭfonian utilon por formi la plurajon *(homoj)* aŭ l'akuzativon *(homon)*; 2[e] ke tiuj finajoj ne alportas dusenceecon, sed nur pleonasmon, ĉar *homperson = hom, grandkvalit = grand, fari agon skrib = skrib*; 3[e] ke tiu sistemo jam ekzistas por la verboj en ĉiuj naturaj

4. Antido argumentas, ke la finaĵo *o* ne estas plursenca, ĉar en ĉiu okazo, ĝi havas nur unu el la tri sencoj *(ul, $aj_1$, $aj_2$)*. Sed precize tion oni nomas plursencon, nome, ke sama vorto povas ricevi alterne diversajn sencojn, kiel ekzemple la franca verbo *voler*, kiu signifas jen *flugi*, jen *ŝteli*, sed neniam ambaŭ samtempe[1].

---

lingvoj, ĉar la sama verba finaĵo ludas jen rolon de vera sufikso *(couronn-er, krön-en)* jen rolon de pleonasma sufikso *(écr-ire, schreib-en)*, t.e. de sufikso sen logika rolo (ĉar la ideo « aga » esprimata per la verbaj finaĵoj *-ire*, *-en* estas jam entenata en radikoj *écr*, *schreib*); tamen oni konservas tiujn finaĵojn, ĉar ili ne alportas dusencecon kaj havas alian utilon (ĉu eŭfonian, ĉu por montri la tempojn kaj modojn de la verbo).

Dum en Esp. la finaĵoj *o*, *a*, *i* perdas sian logikan valoron nur kiam la radiko estas samspeca kiel la finaĵo, oni povas diri ke en Ido tiuj finaĵoj estas *ĉiam* senvaloraj laŭ logika vidpunkto, aŭ kiel diris prof. Peano « ili estas elementoj tute senvaloraj, kiujn oni povas aldoni kie oni volas, laŭ arbitro de la skribanto ». En realeco la gramatikaj finaĵoj havas utilon en Ido, sed nur pro la arbitreco de la reguloj de derivado en tiu lingvo : efektive se *belo* havas alian sencon ol *bela*, la kaŭzo estas ke Ido donis al *belo* la arbitran signifon de *bela homo* (kiu ne estas la signifo montrata per la vorto mem). En neniu lingvo ekzistas vorto simila al Ida vorto *belo;* la sola substantivo de *beau* en Franca lingvo estas *beauté*, en kiu finaĵo *-té* alportas samtempe la substantivan ideon kaj la substantivan rolon gramatikan, same kiel finaĵo *-o* en Esp. vorto *belo* (kiu ankaŭ signifas *beauté*); en la Francaj esprimoj *un beau* kaj *le beau* la vorto *beau* ne estas substantivo, ĉar tie ĉi la substantiva ideo estas esprimata per la artikolo : *un beau* signifas *un homme beau* (= *ulo bel*) kaj *le beau* signifas *l'abstraction « beau »;* nu en Franca lingvo ekzistas alia vorto por *l'abstraction « beau »*, t.e. precize la vorto *beauté*, kies traduko estas *bel-o*, kaj tio montras ke en Esp., kiel en la naturaj lingvoj, la substantivigo de vorto nesubstantiva estas farata per finaĵo kiu enhavas en si mem la ideon substantivan. La Francaj esprimoj *un beau*, *le beau*, *le manger* estas tute logikaj kaj konformaj al principo de neceso, ĉar la artikolo estas uzata normale nur antaŭ substantivoj; do se adjektivo aŭ verbo venas tuj post la artikolo, tio montras ke ia mankas substantivo, kaj la fakto mem ke tiu substantivo povas esti flankelasata montras ke ĝi ne entenas specialan ideon sed nur ĝeneralan substantivan ideon, t.e. *persono* aŭ *materiaĵo* aŭ *abstraktaĵo:* plie se la artikolo estas nedifinita tio montras ke povas ekzisti ĉu unu, ĉu pluraj similaj ideoj, do la ideo flankelasata post artikolo *un* povas esti nur *persono* aŭ *objekto*, dum post artikolo *le* tiu ideo estas devige *abstrakta (le manger = l'abstraction mang = l'action mang* se oni memoras ke radiko *mang* enhavas en si mem la ideon *act*).

**Vorto kiel la Ida vorto « belo » estas absurdaĵo, ĉar se « o » havas en si mem absolute nenian sencon, tiam la sola ideo entenata en tiu vorto estas la ideo « bel » kiu estas esence adjektiva kaj ne povas esti per si mem substantivo,** ĉar se radiko *bel* estus jen adjektivo jen substantivo, oni devus akcepti ke tiu radiko entenas jen ideon adjektivan (kvalitan) jen ideon substantivan de substanco (eĉ de persono !), kaj tio estus kontraŭa al la nevariebleco de la radikoj (regulo 10ª de la Ida gramatiko). **Sekve diri ke la finaĵoj « a », « o », « i » entenas nenian ideon kaj povas tamen ŝanĝi la gramatikan klason de la vorto, ankaŭ estas absurdaĵo.** Por ricevi substantivon oni nepre devas aldoni ideon substantivan, se la vorto ne estas per si mem substantivo, kaj oni tiel ricevas la 3 substantivojn : *belul*, *belaj* (= materiaĵo bel) kaj *belo* (= abstraktaĵo bel) (A.).

[1] Se mi kelkafoje, parolis pri la « tri sencoj » de finaĵo *o*, mi uzis malbonan esprimon kaj mi dankas al S^ro^ Couturat atentigi min pri tio. La ideoj *ul*, *$aj_1$*, *$aj_2$* ne estas 3 « sencoj » de *o*, sed 3 « subdividoj » de *o*, same kiel ekzemple Anglo, Skoto kaj Irlandano estas 3 subdividoj de Brito, tamen la vorto *Brito* ne estas trisenca. **Finaĵo « o » havas nur unu sencon,** kiu estas propre la substantiva ideo : **« kio estas, kio ekzistas ».** La egalaĵo *o* = *ul* *$aj_1$*, *$aj_2$* signifas, ĉu ke la substantiva ideo *o* povas esti *subdividata* en 3 ideojn pli specialajn, ĉu ke ĉiu vorto finiĝanta per *o* enhavas unu el la 3 ideoj *ul*, *$aj_1$*, *$aj_2$*. La elekto de unu el tiuj 3 sencoj do ne dependas de la finaĵo *o* mem sed de la ideoj entenataj en la radikvorto; ekzemple la vorto *skribo* enhavas la ideon *$aj_1$* ĉar radiko *skrib* enhavas ideon *ag* (fari agon) kiu estas ideo *abstrakta*, do *skribo* signifas *kio estas ag-skrib*, aŭ *ago-skrib* (abstraktaĵo), kaj oni vidas ke la finaĵo *o* enhavas nur la sencon *kio estas* ĉar la 2 aliaj ideoj *(abstrakt* kaj *ag)* estas entenataj ne en *o* sed en radiko *skrib*. Simile se oni analizas la vorton *grando*, ĝia traduko ne estas *homo grand* kiel pretendas Ido, nek *kio estas grand*.

5. La komentario de Zamenhof sur p. 249 de la *Krestomatio* tute pravigas min : li interpretas « *o* = kio estas, ekzistas »; sed mi mem interpretas ĝin same : *bel-o* = kio estas bela, do *bel-ajo* aŭ *bel-ulo*, sed neniel *bel-eco*, kiu signifas : la fakto esti bela *bel-esto*. (Ido : *bel-eso*[1]).

---

sed *kio estas ec grand* (ĉar *grand* enhavas en si mem ideon *ec*) aŭ *eco grand* (abstraktajo). Do se vortoj kiel *grando*, *skribo* estas « abstraktajoj », dum *homo* estas « persono » kaj *tablo* estas « materiajo », tio ne pruvas ke finajo *o* havas 3 malsamajn sencojn, sed ke radikoj *grand*, *skrib* enhavas ideon abstraktan, ke radiko *hom* enhavas ideon de « persono » kaj radiko *tabl* ideon de « materiajo ». La finajo *o* mem signifas nur « kio estas », do *hom-o* = « kio estas person (hom) », same kiel *tabl-o* = « kio estas materiaj (tabl) » aŭ *grand-o* = « kio estas ec (grand) ».

[1] Mi tre miras pri tiu aserto de Sro C., ĉar ĝis nun li pretendis ke la gramatikaj finajoj *o*, *a*, *i*, *e*, enhavas en si mem *nenian ideon*, kaj nun li konsentas ke finajo *o* signifas « kio estas, ekzistas », kaj ke *bel-o* signifas ĉu *bel-ul*, ĉu *bel-aj*!

Do Sro C. tie ĉi tute forlasas sian propran teorion kaj li akceptas la egalajojn de Antido : *o* = *ul* aŭ *aj* dirante ke *belo* signifas *belul* aŭ *belaj!* Antido nur aldonis ke *aj povas esti ĉu materia, ĉu abstrakta*, ĉar se oni ne akceptas tion la finajo *o* ne montrus *ĉiujn* substantivajn ideojn, ekzemple *skribo*, *logiko*, *homeco*, ktp. estas abstraktajoj. Se oni kontraŭdiras ke abstraktajoj ne estas estajoj, t. e. ne « ekzistas » en la filozofia senco *(to be or not be)*, mi respondos ke lingvo ne estas kaj ne devas esti sistemo filozofia, ke la homa parolo estas esence bazita sur abstraktaj konceptoj esprimataj per *substantivoj*, kiuj formas la *substancon* ne de la Universo sed de la parolo, do ke la ideo substantiva rilatas ne nur al la vivajoj kaj materiajoj de la Universo sed ankaŭ al la abstraktajoj de la homa penso ; rilate al la parolo ĉiuj estas *estajoj* elpensitaj por la interŝango de la ideoj inter homoj. Cetere, eĉ se oni forjetus la kategorion *o* = *aj* abstrakta, Sro C. neniam povus klarigi per la vorto mem *belo*, kial *bel-o* = *bel-ul* kaj ne *bel-aj* materia.

Sed plie, kiam Sro C. tradukas *belo* per *kio estas bel*, lia traduko estas ĝusta sed ne kompleta, ĉar li ne montras ĉiujn la ideojn entenatajn en radiko *bel* : *bel* estas ideo speciala, do ĝi estas nur speciala kazo de ideo pli ĝenerala *(ec* aŭ *ul* aŭ *aj)*, same kiel *bros* ekzemple estas nur speciala kazo de ideo pli ĝenerala *(aj* aŭ *ag)*. Do ne sufiĉas skribi *bros-o* = *kio estas bros :* oni devas scii ĉu *bros* estas substantivo aŭ verbo : se *bros* estas substantivo, ĝi entenas en si mem la ideon de *aj* materia, kaj tiam *bros-o* = *kio estas aj (bros)* = *ajo bros :* se kontraŭe *bros* estas klasita kiel verbo, tiam *bros-o* = *kio estas ag (bros)* = *ago bros*. Simile se radiko *bel* estas adjektivo ĝi estas speciala kazo de la ideo adjektiva *a* aŭ *ec*, do *bel-o* = *kio estas ec (bel)* = *eco bel*. La vorto mem *ec-o* (F. *qual-ité*) signifas *kio estas ec* (F. *ce qui est qual*, *ce qui est qualitatif)*, kaj se oni anstataŭas la ĝeneralan radikon *qual* per specialan kiel *beau*, tio **ne forigas** la ideon *qual* sed nur **aldonas** la specialan ideon *beau ;* do *beau-té* ne signifas F. *ce qui est beau* sed *ce qui est qual (beau)* ou *qualité beau*.

Simile la vorto *ag-o* (F. *act-ion*) = *kio estas ag* (F. *ce qui est agir*), kaj se oni anstataŭas *ag* per speciala ideo kiel *skrib*, oni ne ricevas *skrib-o* = *kio estas skrib*, sed *kio estas ag (skrib)* = *ago skrib* aŭ france *ce qui est act (écr)* = *action écr* = *écrit-ure*.

Tiu analiza metodo estas aplikebla al iu ajn vorto kaj montras ĝian veran sencon tute precize, kaj oni povas resumi ĝin dirante ke **en la traduko de ĉiu vorto oni devas atenti ne nur la specialajn sed ankaŭ la ĝeneralajn ideojn entenatajn en ĉiu atomo de la vortmolekulo.** Ekzemple :

*kiras-ul-o* *grand-ul-o*
*(aj)* *(ec)*

La analizo do montras ke *kirasulo* signifas « kio estas persono karakterizata per **ajo** kiras » kaj same *grand-ul-o* = « kio estas persono karakterizata per **ec** grand ».

Kompreneble se oni klasus *grand* kiel radikon substantivan (grupo *ul*), tiu radiko entenus en si mem la ideon *ul* kaj tiam *grand-o* signifus « kio estas **ul** grand » = *ulo grand* = *homo grand :* sed tia klasado estas neebla, ĉar oni ankaŭ havus *grand-a* = *grandula*, kaj tio ne estas akceptebla, ĉar *granda tablo* ekzemple ne estas *grandula tablo*.

Oni ankaŭ povas argumenti tiel : *grand* = *granda* kiel *skrib* = *skribi*, do *grando* = *grandao* = *grandeco* (pro *a* = *ec*) kiel *skribo* = *skribio* = *skribago* (pro *i* = *ag*).

6. Antido montris, ke *hundo* implikas la ideon de vivanta estajo, sed ne ke tiu nomo de speco enhavas samtempe la ideon de virsekso. Mi do konservas mian argumenton : « *belo : belino = hundo : hundino* » (N. B. : Antido alprenas *belino*)[1].

7. Antido jesas (asertas), ke *o* montras la substantivon ĝenerale, kaj j la multnombron. Sed tiam, kio, en *hom-o*, montras la unuombron? Kaj en la verbo (*am-i*, *am-u*, *am-as*, ktp.) kiu ero (elemento) montras la verbon « ĝenerale »[2] ?

---

Mi riproĉas al sinjoro Couturat, ke li atentas nur la specialajn ideojn kaj ne la ĝeneralajn ideojn, kiuj kuŝas sub la unuaj. Lia difino de la kvalito estas aplikebla nur al specialaj ideoj, ekzemple li diras F. *bonté = le fait d'être bon*, *richesse = le fait d'être riche*, t. e. sufikso *ité = esse = le fait d'être*, sed tiu difino ne estas aplikebla al la vorto mem *qualité*, ĉar *la qualité* ne estas *le fait d'être qual*, *d'être qualitatif* sed ĝi estas *ce qui est qual*, *ce qui est qualitatif*; *la qualité d'une étoffe* ne estas *le fait que cette étoffe est qual* (*qualitative*) sed *ce qui est qual*, *ce qui est qualitatif*, *ce qui est « adjectif » en cette étoffe*, same kiel *l'action d'une machine = ce qui est act*, *ce qui est agir*, *ce qui est « verbal » dans cette machine*. Per tiuj difinoj oni atingas la estajojn abstraktajn mem (*qualité* aŭ *action*), kaj se oni anstataŭas !a ĝeneralajn ideojn *qual*, *act* per specialaj ideoj *bon*, *grand*, *abon*, oni ne forigas tiun ĝeneralajn ideojn sed oni nur **aldonas** al ili specialan sencon; do : *bon-té* ne estas *ce qui est bon* sed *ce qui est qual* (espèce particulière *bon*) = *qualité-bon*; same *grand-eur = ce qui est qual* (*grand*) = *qualité-grand*, *abonne-ment = ce qui act* (*abonn*) = *action-abonn*, ktp.

Ke ekzistas parenceco, eĉ preskaŭ identeco inter *belo* (*la beauté*) kaj *belesto* (*le fait d'être beau*), mi ne neas, ĉar ambaŭ estas abstraktaĵoj rilataj al ideo *bel* kaj la finaĵo substantiva enhavas en si mem la ideo *est* (ĉar *o* = kio estas, ekzistas, do *ul* = *estul*, *aj* materia = *estaj* materia kaj *aj* abstrakta = *estaj* abstrakta).

Tamen *belesto* ne ĉiam estas identa al *belo*, ĉar krom sia filozofia senco (*est = ekzist*), la verbo *est* havas alian sencon pli komunan : *est = stat* (esti en ia stato); tiu senco estas esence *verba* (ĉar la du verbaj ideoj estas *ag* kaj *stat*), do esence *tempa*, dum *belo* estas ideo *netempa* (kvalito). La diferenco inter kvalito (*belo*) kaj stato (*belesto*) estas sama kiel diferenco inter adjektivo kaj verbo : *dormo* estas « stato », afero tempa, ĉar ĉiu persono estas jen en stato de dormo, jen en stato de maldormo; tamen tiu persono restas la sama persono; kontraŭe kvalito kiel *belo* estas atributo, kiu ne enhavas ideon tempan kaj kiun oni ne povas forigi el ĝia posedanto sen difekti aŭ ŝanĝi tiun posedanton.

Resume la vorto *belo* estas pli ĝenerala ol la vorto *belesto*, ĉar ĝi estas nedependa de la tempa ideo de « stato ». *Belesto*, *beleco*, ktp. estas nur diversaj nuancoj de *belo*, tute same kiel *homsimila*, *homama*, *homforma*, *homrilata*, *homesta*, ktp. estas specialaj kazoj de la ĝenerala adjektiva ideo *homa*. Nur tre malofte oni bezonos la pezan formon *belesto*, same kiel oni uzas tre malofte la formojn *homkvalita* aŭ *homesta*, sed estas kurioze rimarki ke Esp. *belo* = Ido *belesto* dum kontraŭe Esp. *homesta* = Ido *homa* (A.).

[1] Kompreneble se oni akceptas ke *belo* signifas *bela homo*, tiam *belino* signifas *bela virino*, sed mi ne povas akcepti ke *belo* signifas logike *bela homo* nek en Esperanto nek en Ido, ĉar en Esperanto radiko *bel* estas adjektiva, do *bel-o* = *bel-a-o* = *beleco*; en Ido, laŭ la principoj de Sro C., finaĵo *o* entenas absolute nenian logikan sencon, do la sola logika senco entenata en la vorto *belo* estas la ideo *bel*, kiu per si mem estas esence adjektiva : aljuĝi al tiu radiko substantivan rolon sen aldono de substantiva ideo (ĉu per substantiva finaĵo, ĉu per substantiva sufikso, ĉu per substantiva radiko, ĉu per artikolo difinita aŭ nedifinita, ĉu alie) estas simple **absurdaĵo**, kaj la plej bona pruvo estas, ke en Ido la derivo *bela*, *belo* ne estas renversebla, ĉar se oni derivas *bela* de *belo*, *bela* ne plu signifas « bel », sed « kiu estas homo bel ». Fine ekzistas fundamenta diferenco inter *belo* kaj *hundo*, ĉar *hundo* = *hund* dum *belo* ne estas egala je *bel*. (A.)

[2] Estas vere ke la verba ideo estas reprezentata per iu ajn en la verbaj finaĵoj *i*, *as*, *is*, *os*, ktp., t.e. ke tiuj finaĵoj montras samtempe la tempon kaj la ĝeneralan verban ideon, sed tio ne alportas malutilon ĉar la verbaj tempoj estas nur subdividoj de la ĝenerala verba ideo, same kiel la sufiksoj *ul*, $aj_1$, $aj_2$ estas subdividoj de la ĝenerala substantiva ideo. Mi ne pretendas ke la Ida sistemo *homo*, *homi* por la pluraĵo estas teorie mallogika ĉar oni povas konsideri ankaŭ la unuombron kaj la plurnombron kiel subdividoj de la substantivo, sed ĉar ofte la substantivo mankas, oni tiam estas devigata esprimi la multnombron ĉu per la adjektivo, ĉu per la artikolo, kaj pro tio mi opinias ke aparta pluraĵsigno (algluebla almenaŭ al substantivoj kaj al adjektivoj) estas pli praktika. (A.).

8. Antido kritikis *kronizar* (Ido) ĉar nenia lingvo diras *couronniser*. Sed nenia lingvo ankaŭ diras *libériguer*. Ĉu tial la sufikso *ig* estas neutila kaj foriginda? kaj ĉu oni devas diri : *liberi*, anstataŭ *liberigi*, por imiti niajn lingvojn [1] ?

* * *

[En la proksima numero aperos interesaj artikoloj pri « teorio de Antido », nome la recenzo de la ĵus aperinta libro « *Auf dem Wege zur Europaïschen Sprache* » (Berlin 1911) kaj la kritiko de la « *Compte rendu des travaux du Comité de la Délégation* » koncerne la derivadon en Esperanto (page 18, 19 et 20).

La Red.]

---

[1] Mi precize diris en paĝo 83 de mia « Construction logique des mots en Esperanto » : « puisque la finale *i* détruit le suffixe *ad* cette finale pourra aussi détruire les suffixes *ig* ou *iĝ* s'il n'y a pas de doute sur le sens (actif ou passif) de l'action (principe de suffisance); on pourra dire par exemple *publiki*, *liberi*; mais naturellement, dans les substantifs, le suffixe *ig* doit reparaître : *publikigo*, *liberigo* (principe de nécessité) ». Oni do povas diri logike en Esperanto *liberi (libérer)* kaj *liberado (libération)*, kiel oni diras *kroni (couronner)*, *kronado (couronnement)*, konforme al la naturaj lingvoj. Ekzistas tamen grava diferenco inter *liberi* kaj *kroni*. Aldonante sufikson *ig* al vorto *liberi*, oni ricevas vorton *(liberigi)* kiu esprimas la celatan ideon pli precize; do *liberi* estas akceptinda sed *liberigi* estas pli bona. Kontraŭe, la formo *kronizi* ne estas pli preciza ol la formo *kroni*, ĉar la sufikso *iz* alportas en la vorton fremdajn ideojn, kiuj ne estas entenataj en la ideo *couronner*, kiu signifas « meti kronon sur ies kapon » kaj ne *garni*, *ŝmiri*. Se oni ne povas esprimi precize la specon de la ago estas pli bone uzi simple la ĝeneralajn agsimbolojn (*i*, *ad* aŭ *ag*), ol uzi specialan sufikson kiu ne priskribas ĝuste la celatan agon : la solvo *kroni* staras antaŭ la celajo, kaj la solvo *kronizi* staras trans la celajo; oni do ne povas kompari tiun ekzemplon kun la du solvoj *liberi*, *liberigi*, ĉar *liberi* staras antaŭ la celajo, sed *liberigi* ne staras trans la celajo, ĝi trafas la celajon mem. (A.)

# KONKURSO

## Kia estas la logika senco de l'vorto « GRANDO? »

Laŭ la Esperanta (Antida) sistemo, **grando = kvalito « grand »**.
Laŭ la Ida (Couturat) sistemo, **grando = homo grand.**

---

Mi subskribinta pagos monsumon da

**200 Sm.**

**(500 FR.)**

al la persono kiu montros ke la Ida sistemo estas pli logika, aŭ eĉ tiel logika, ol la Esperanta. (Tiu propono estas tre grava, ĉar de la rezulto de tiu diskuto dependas la supereco de la sistemo de vortkonstruo en Esp. kompare al tiu de Ido.)

R. DE SAUSSURE
*(Antido).*

---

## Kial la vorto « grando » ne povas logike signifi « granda homo »

(nek en Ido, nek en Esperanto).

I. — **Laŭ la Ida sistemo :**

En Ido, la gramatikaj finajoj *o, a,* ktp., entenas en si mem absolute nenian sencon sed montras nur la gramatikan rolon. La finajo *o* ekzemple signifas nur, ke la vorto kies finajo ĝi estas, estas substantivo; finajo *a* signifas ke la vorto kies finajo ĝi estas, estas adjektivo; ktp.

Nu, se la finajoj *o, a,* entenas en si mem nenian ideon, tiam la solaj ideoj entenataj ĉu en vorto *granda*, ĉu en vorto *grando*, estas la ideoj entenataj en la radiko *grand*. Do la ideoj entenataj en *granda* devus esti precize la samaj kiel tiuj entenataj en *grando*, ĉar laŭ la 10ª regulo de la Ida gramatiko, radikoj (kiel *grand*) estas nevarieblaj elementoj. Sed la adjektivo *granda* entenas nur ideon kvalitan kaj nenian ideon de substanco (ekzemple en la esprimo *la granda arbo*, la vorto *granda* montras « atribuon » de la substanco *arbo*); kontraŭe se *grando* signifus *granda homo*, tiam radiko *grand* devas enteni en si mem la ideon de substanco, kaj ankaŭ la ideon de persono.

El tio povas sekvi nur tri konkludoj.

1ᵉ Se radiko *grand* enhavas ideon de persono en vorto *grando*, kaj ne enhavas ĝin en vorto *granda*, la radiko *grand* **ne plu estas elemento nevariebla;** ĝi ankaŭ **ne plu estas elemento sendependa,** ĉar la senco de radiko *grand* dependus de la gramatika finajo, kiun oni aldonas al ĝi; kaj plie la derivo *granda, grando* **ne plu estas renversebla,** ĉar laŭ la reguloj de derivado en Ido, se oni derivas *granda* de *grando*, oni devus havi : *granda = kiu estas grando*. Sed tio estas nevera se *grando = grand homo*, ĉar tiam oni havus : *granda = kiu estas grand homo* kaj oni alvenus al absurdajoj kiel : *granda ĝardeno = ĝardeno kiu estas grand homo.*

2ᵉ Se radiko *grand* estas elemento nevariebla kaj enhavas ideon de persono, tiam *grando* certe signifus *grand homo*, sed **tiam la vorto** *granda* **ankaŭ entenus ideon de persono** kaj oni alvenus al la sama absurdajo ke *granda ĝardeno* signifus *ĝardeno kiu estas grand homo.*

3e Se radiko *grand* estas nur kvalita, t. e. se ĝi estas elemento nevariebla kiu ne entenas en si la ideon de persono, **tiam** *grando* **ankaŭ ne entenus ideon de persono** (ĉar finajo *o* entenas en si nenian ideon), do *grando* ne povus signifi *grand homo*, kaj la vorto *grando* estus per si mem absurdaĵo, ĉar vorto kiu entenas en si mem absolute nenian ideon krom la kvalitan adjektivan ideon *grand*, ne povas esti substantivo. Vorto povas esti substantivo nur se almenaŭ ĝia lasta parto enhavas ideon substantivan, ekzemple *hom*, *grandduk*, *grandul* estas substantivoj ĉar la lastaj partoj de tiuj vortoj (*hom*, *duk*, *ul*) estas substantivoj.

Ni do alvenas al la konkludo ke eĉ **en Ido** *grando* **ne povas signifi** *grand homo* **sen peko kontraŭ la nevariebleco de la radikoj kaj kontraŭ la renversebleco de la derivo;** ke la finajoj gramatikaj *o*, *a*, ktp. de Ido havas nenian utilon, ĉar se vorto estas jam per si mem adjektivo (kiel *grand*), oni ne bezonas finajon *a* por ĝin adjektivigi, kaj se vorto estas substantivo aŭ verbo, oni povas adjektivigi ĝin nur per sufikso kiu alportas kun si mem la adjektivan ideon, do nur per sufiksoj kiel la Idaj sufiksoj *al*, *oz*, ktp., aŭ kiel la Esperanta adjektiva sufikso *a*, sed ne per la Ida finajo *a*, kiu enhavas en si mem nenian ideon. La Ida finajo *a* estas tute senutila, aŭ pli ĝuste, ĝi estus tute senutila se Ido ne proklamus arbitrajn regulojn por fiksi la sencon de vortoj kiel *grando*. Se Ido donus al ĉiu vorto la logikan sencon eltiritan de la enhavo mem de la vorto, ĝi ne plu bezonus la finajojn *o*, *a*, ktp., nek regulojn pri derivado. Efektive : se iu regulo de derivado donas al la vortoj sencon konforman al ilia enhavo, tiam la regulo estas superflua, nebezonata ; kaj se la regulo donas sencon nekonforman al la enhavo de la vorto, tiam la regulo pekas kontraŭ la nevariebleco de la vortelementoj, ĉar ĝi ŝanĝas la originan sencon de tiuj elementoj **per la fakto mem ke ĝi donas al la vorto sencon alian ol tiu kiu rezultus de tiuj elementoj.**

Oni ankaŭ vidas ke estas absolute necese fari diferencon inter la radikoj adjektivaj kaj la radikoj substantivaj, ĉar la sama radiko ne povas esti jen adjektiva, jen substantiva sen peko kontraŭ la nevariebleco de la ideoj entenataj en tiu radiko.

Tion plej klare montras la analizo de la vorto *grando*, farita laŭ la principoj mem de Ido. La senco de la vortoj devas esti fiksata nur per la naturaj leĝoj de la vortkonstruo el nevarieblaj elementoj.

II. — **Laŭ la Esperanta sistemo :**

En Esperanto, la finajoj *o*, *a*, *i*, *e* estas veraj sufiksoj, memstaraj vortoj kun difinita senco. Finajo *o* ekzemple estas per si mem substantivo, do *grand-o* estas adjektivo-substantivo tute same kiel vorto *grand-duk* aŭ *grand-ul*.

La vorto *grando* konsistas el du partoj, radiko *grand* kaj afikso substantiva *o*, do ĉiu ideo entenata en *grando* devas esti entenata ĉu en radiko *grand* ĉu en finajo *o*. Sekve, se *grando* signifus *granda homo*, la ideo de « homo », aŭ de « persono » devus esti en radiko *grand* aŭ en finajo *o*.

1e) Ni supozu ke radiko *grand* enhavas ideon de persono. Tiam radiko *grand* estus substantiva kaj ĉiam kunportus kun si ideon de persono. Ni jam vidis ke tia supozo estas netolerebla, ĉar ekzemple *granda ĝardeno* signifus : « ĝardeno kiu havas kvaliton de (aŭ « kiu rilatas al ») grand homo ».

2e) Ni supozu ke finajo *o* enhavas ideon de persono ; tio ankaŭ estas neebla, ĉar en Esperanto la substantiva afikso *o* = « kio estas, ekzistas », kaj tiu ideo estas pli ĝenerala ol tiu de « persono ». Kiel mi montros ĉi sube, la ĝeneralaj ideoj estas entenataj en la pli specialaj, sed ne reciproke. Ideo *ul* aŭ *person* entenas ideon *o* (kiel *Burgonjo* entenas ideon *Francujo*) sed ne reciproke. Se finajo *o* entenus alian ideon (krom la substantiva ideo de « io, kio estas »), tiu alia ideo devus esti ankoraŭ pli ĝenerala ; sed tio ne estas ebla, ĉar ideo pli ĝenerala ol la substantiva ideo ne ekzistas.

Resume **la ideo de « persono » povas esti entenata, nek en radiko** *grand*, **nek en afikso** *o*, do ankaŭ en Esperanto *grando* ne povas signifi *granda homo ;* radiko *grand* estas devige adjektiva. Ni montru nun, ke en natura sistemo de vortkonstruo, *grando* povas signifi nur *kvalito « grand »*.

## La natura sistemo de vortkonstruo

Vortoj estas simboloj de ideoj. La diversaj ideoj ne estas egalvaloraj unu kompare al alia; ili formas hierarĥion, ĉar ili estas entenataj *unu en la alia*. Ekzemple ideo *ĉeval* entenas en si mem la ideon de *mamifero; mamifero* entenas en si la ideon de *vertebrulo*, kiu entenas en si la ideon de *viva estaĵo*, kiu entenas en si la ideon de *estaĵo* aŭ de « *io, kio estas, ekzistas* ». Tiu ĉi lasta ideo estas tiel ĝenerala, ke oni ne povas trovi ideon pli ĝeneralan kaj entenatan en ĝi. Tiun plej ĝeneralan ideon oni nomas *ideo substantiva* kaj pro tio oni diras ke radiko *ĉeval* estas « substantiva ». Tio signifas nur, ke la plej ĝenerala ideo entenata en ideo *ĉeval* estas la ideo de « io, kio estas ».

Oni vidas, ke la klasado de la radikoj laŭ 3 kategorioj (substantiva, adjektiva kaj verba) ne estas artaĵo elpensita por starigi teorion de vortkonstruo, sed ĝi estas fatala konsekvenco de la fakto, ke ĉiu speciala ideo entenas en si mem ideojn pli ĝeneralajn.

1. *Analizo de la vortoj.*

En Esperanto (kiel en la naturaj lingvoj), la vortoj konsistas el simplaj radikoj kaj afiksoj. Ambaŭ estas *nevarieblaj* kaj *memstaraj* elementoj, tiamaniere ke ĉiu vorto estas sendependa konstruataĵo, kies senco estas fiksata per sia propra enhavo kaj ne per aprioriaj reguloj de derivado. Ĝeneraldire la afiksoj esprimas ideojn pli ĝeneralajn ol la radikoj (ekz. *ul* esprimas la ĝeneralan ideon de *viva estaĵo*); la plej ĝeneralaj ideoj estas esprimataj per la « afiksoj gramatikaj » :

*o* = *io, kio estas* = afikso *substantiva*

*a* = { ideo *kvalita (ec)* aŭ » *rilata* } = » *adjektiva*

*i* = { *fari agon (ag* aŭ *ad)* aŭ *esti en ia stato (stat)* } = » *verba*

Tiujn afiksojn oni nomas kutime « finaĵoj », kvankam ili estas per si mem memstaraj vortoj kiel la aliaj afiksoj, ĉar ni ĵus vidis, ke ekzistas nenia diferenco inter la gramatikaj ideoj *(o, a, i)* kaj aliaj ideoj; la unuaj estas nur pli ĝeneralaj.

La analizo de la radiko *ĉeval* povas do esti figurata jene :

*ĉeval*
*(mamifer)*
*(vertebrul)*
*(ul)*
*(o)*

Ĉar *o* = « io, kio estas » kaj *ul* = « viva estaĵo », oni povas diri ke la senco de *ĉeval* = « io, kio estas — viva estaĵo (speco *vertebrul*, speco *mamifer*, speco *ĉeval*) ».

Tiu analizo montras :

1°) Ke la specialaj ideoj entenas la pli ĝeneralajn sed ne reciproke : *ĉeval* entenas ideon *ul* (ĉar ĉiuj « ĉevaloj » estas « uloj ») kaj *ul* entenas ideon *o* (ĉar ĉiuj « uloj » estas « oj ») **sed ne reciproke;** oni ne povas diri ke ideo *o* entenas ideon *ul* (ĉar ne ĉiuj « oj » estas « uloj »), nek ke ideo *ul* entenas ideon *ĉeval* (ĉar ne ĉiuj « uloj » estas « ĉevaloj »). Tuto ne povas esti egala je unu el siaj partoj; oni do ne povas skribi *o* = *ul*, same kiel oni ne povas skribi *Francujo* = *Burgonjo*. La ideoj *ul* kaj *aj* estas *subdividoj* de la ideo *o*, kiel Burgonjo estas subdivido de Francujo[1].

2°) La enhavon de radiko *ĉeval* oni povas analizi laŭ multaj diversaj manieroj. Ekzemple laŭ malnova scienco, ĉevalo estis konsiderata ne kiel vertebrulo, sed kiel kvarpiedulo. Oni povas do ankaŭ skribi :

*ĉeval*
*(kvarpiedul)*
*(ul)*
*(o)*

Tiam la signifo de *ĉeval* estas « io, kio estas — viva estaĵo (speco *kvarpiedul*, speco *ĉeval*) », kaj tiu analizo estas tiel ĝusta kiel la unua. Ni do alvenas al tiu tre grava principo : *la analizo de la vortoj estas sendependa de la maniero laŭ kiu oni subdividas la ideojn* (do sendependa ekzemple de la diversaj sciencaj teorioj aŭ filozofiaj sistemoj, dum la Ida sistemo de derivado estas bazita sur speciala filozofia sistemo).

Ni prenu alian ekzemplon : *Francujo* povas esti subdividata tiel bone laŭ provincoj kiel laŭ departementoj; en la unua okazo la urbo *Châlons* ekzemple kuŝas en provinco *Champagne*, en la dua okazo ĝi kuŝas en departemento *Marne;* sed en ambaŭ okazoj, se oni analizas vorton derivitan de *Châlons*, kiel ekzemple *Châlonsano*, la analizo estas ĝusta, ĉar la speciala ideo « Châlons » entenas ambaŭ ideojn *Champagne* kaj *Marne;* do oni povas skribi, ĉu :

*Châlons-ano* = *Champagne-ano* (speco *Châlons*)
*(Champagne)*

ĉu :

*Châlons-ano* = *Marne-ano* (speco *Châlons*)
*(Marne)*

Simile kiel Francujon, oni povas subdividi la ideon substantivan *o* laŭ diversaj manieroj, kaj por ĉiu maniero la metodo de analizo restos ĝusta : nur unu kondiĉo estas necesa, nome ke la subdividoj estu mem ideoj substantivaj (kiel *ul*, *aj*, ktp.), ĉar adjektiva ideo, kiel *ec*, aŭ verba ideo kiel *ag*, ne povas esti subdivido de la substantiva ideo *o*.

[1] Mi do konsilas ne plu skribi *o* = *ul* aŭ *aj* kiel mi faris, ĉar tio povus esti erariga. Mi preferas forĵeti tute tiun ekvacion, despli ke mia teorio *ne dependas de la maniero laŭ kiu oni subdividas la ideon « o »*, kiel mi tuj montros.

Radiko (pro sia nevariebleco) ne povas esti jen substantiva, jen verba aŭ adjektiva, same kiel la urbo Lyon ne povas esti jen Franca, jen Angla aŭ Germana. La gramatika karaktero de la radikoj estas do por ili kvazaŭ « nacieco », kiun ili kunportas kun si ĉiam kaj ĉie.

Ekzemple radiko *grand* kunportas kun si la ideon kvalitan (aŭ adjektivan) *ec*, same kiel radiko *Lyon* kunportas kun si la ideon *France*, kaj la derivita vorto *grando* povas esti analizata kiel la derivita vorto *Lyonnais* :

*grand-o* = *ec-o* (speco *grand*), *Lyonn-ais* = *Franç-ais* (speco *Lyon*).
*(ec)* *(France)*

Sekve *grand-o* = *eco « grand »* = *kvalito « grand »*.

La senco de la vortoj dependas do de la maniero laŭ kiu la radikoj estas klasataj. Se radiko *bros* estas klasata inter la substantivoj (grupo *aj*), tiam la enhavo de la vorto *broso* estas :

*bros-o* = *kio estas — ajo* (speco *bros*)
*(aj)*
*(o)*

Se kontraŭe oni klasas *bros* inter la verbaj radikoj, tiam radiko *bros* enhavas en si mem la verban ideon *i* kaj la enhavo de *broso* estas :

*bros-o* = *i-o* (speco *bros*) = *ag-o (bros)*
*(i)*

ĉar afikso *i* = *ag* = fari agon.

Tia analizo estas aplikebla al iu ajn vorto. Ekzemple *sukeraĵisto* analiziĝas jene :

*suker—aĵ—ist—o*
*(materi)* *(o)* *(ul)*
*(o)* *(o)*

La enhavo de tiu vorto estas do :

1. *o* = kio estas
2. *ist* = *o* + *ul* + *(ist)* = kio estas — persono — (speco *metia*)
3. *aj* = *o* + *(aj)* = kio estas — (speco *konkreta*)
4. *suker* = *o* + *materi* + *(suker)* = kio estas — materio — (speco *suker*)

Do sume :

*sukerajisto* = « kio estas — persono *metia* (karakterizata per) — konkretajoj (el) — materio *(suker)* ».

Oni vidas ke la ĝenerala senco de la vorto estas fiksata per la subkuŝantaj ĝeneralaj ideoj, dum la specialaj radikoj kiel *suker* kaj *ist* montras nur la « specon » de la kunrespondaj ĝeneralaj ideoj *(materio* kaj *ul)*.

2. *Sintezo de la vortoj.*

La ĉi supra metodo ebligas trovi tute precize la sencon de donita vorto, (kiel *grando*), kiam oni konas la klasadon de la radikoj. Reciproke, se oni deziras **konstrui vorton por esprimi donitan ideon**, sufiĉas apliki la du jenajn principojn :

1. *Principo de neceso :* En konstruon de vorto oni devas enkonduki (per radikoj kaj afiksoj) ĉiujn ideojn necesajn por esprimi klare kaj plene la ideon reprezentotan.

2. *Principo de sufiĉo :* Oni ne devas ripeti plurfoje (kaj sen utilo) la saman ideon en la sama vorto kaj oni ne devas enkonduki en ĝin « fremdajn » ideojn, ne entenatajn en la ideo esprimota.

Tia estas la plena teorio de vortkonstruo : nevariebleco kaj sendependeco de la diversaj vortelementoj, hierarĥio de la ideoj, klasado de la radikoj kaj principoj de neceso kaj de sufiĉo.

## Aldonaj rimarkoj.

La ĉi supra teorio pri vortkonstruo estas nova prezentado de la teorio de Antido. Oni konstatos ke mi forigis ĉion kio estas nenecesa por la analizo aŭ la sintezo de la vortoj. Tiel mi ne nur forigis diversajn kritikojn faritajn al mia teorio sub ĝia unua formo sed mi ankaŭ ebligis la aplikon de tiu teorio ne nur al Esperanto sed al iu ajn alia lingvo (natura aŭ artefarita kiel Ido).

Tiun ĝeneraligon de la teorio mi atingis montrante, ke la ideoj estas entenataj unu en la aliaj (la pli ĝeneralaj en la pli specialaj), kaj ankaŭ ke la analizo de la vortoj ne dependas de la maniero laŭ kiu oni subdividas la ideojn. Ekzemple la substantiva ideo *o* povas esti subdividata diversmaniere en du aŭ tri ideojn pli specialajn sed nia metodo de analizo ne dependas de la elekto de tiuj subdividoj. Mi proponis subdividi la ideon *o* en du ideojn : *ul* kaj *aj*, sed se oni trovas tiun subdividon kritikindan, oni povas elekti alian kaj la metodo de analizo restos la sama. Oni nur devas atenti, kiam oni analizas vortojn, ke la radikoj kaj afiksoj estas nur simboloj (de ideoj); do la valoro de iu ajn radiko, aŭ de iu ajn sufikso, esence dependas de ĝia difino. Ekzemple en Esperanto, sufikso *ec* estas adjektiva kaj ne substantiva, ĉar

*hom-ec-o* = F. *hum-an-ité* = G. *Mensch-lich-keit*
kaj *hom-a* = F. *hum-ain* = G. *mensch-lich.*

Oni vidas ke la sama sufikso F. *ain* aŭ G. *lich* estas reprezentata per sufikso *ec*, kiam ĝi estas interne de la vorto (*homeco*), kaj per sufikso *a*, kiam ĝi estas ĉe fino de l'vorto (*homa*). La sufikso *ec* do egalvaloras la adjektivan ideon kvalitan *a* kaj tio signifas ke ĉiu adjektivo kiel *grand* estas nur speciala kazo de la ideo adjektiva *ec*, same kiel ĉiu verbo kiel *skrib* estas speciala kazo de la ideo verba *ag*. Oni do havas *ec* = *eca* (kaj ne *eco*), kiel *grand* = *granda* (kaj ne *grando*); same oni havas *ag* = *agi* (kaj ne *ago*), kiel *skrib* = *skribi* (kaj ne *skribo*).

La vortoj *ago* kaj *eco* estas fundamentaj vortoj ĉar ili entenas neniun specialan ideon. Efektive ideo *ag* estas la ĝenerala verba ideo, ideo *ec* estas la ĝenerala adjektiva ideo kaj ideo *o* estas la ĝenerala substantiva ideo. La vorto *ag-o* estas la tipo de verbo-substantivo, do ĉiuj verbo-substantivoj kiel *skrib-o*, *abon-o* ktp., estas nur specialaj kazoj de *ag-o*. Simile *ec-o* estas la tipo de adjektivo-substantivo, kaj ĉiuj adjektivo-substantivoj kiel *grando*, *riĉo*, ktp. estas nur specialaj kazoj de *ec-o*.

## Konkluda rimarko dediĉita al la Idistoj.

De post la apero de Ido, la Idistoj ofte fanfaronis pro tio, ke ilia lingvo posedas tiel nomitajn *regulojn pri derivado*, kredante ke la posedo de tiaj reguloj estas signo de supereco kompare al Esperanto.

Tamen iomete da pripenso klare montras ke antaŭfiksitaj reguloj de derivado estas signo ne de supereco sed de malsupereco. Efektive, la celo de la reguloj de derivado

estas fiksi la sencon de vortoj, sed tiu senco estas jam fiksata per la enhavo mem de la diversaj partoj de l'vorto, tute same kiel la pronunco de vorto estas fiksata per la pronunco de la diversaj literoj entenataj en la vorto. En Ido ne ekzistas reguloj pri pronuncado, do kial starigi regulojn pri derivado? Tiaj reguloj povas esti nur neutilaj aŭ malutilaj. Efektive, se la regulo de derivado donas al la vorto sencon konforman al la enhavo de tiu vorto, la regulo estas neutila, superflua, ĉar sufiĉas analizi la vorton por trovi ĝian sencon. Se kontraŭe la regulo de derivado donas al la vorto sencon alian ol tiu, kiu rezultas de ĝia enhavo, tiam la regulo estas malutila ĉar ĝi ŝanĝas la naturan sencon de la vortelementoj, kaj tio estas kontraŭa al la deka regulo de la Ida gramatiko laŭ kiu la radikoj kaj sufiksoj devus esti elementoj nevarieblaj.

Mi montris ĉi supre ke tio efektive okazas en Ido por la vorto *grando* kaj aliaj samspecaj. La kaŭzo estas ke la Ida regulo laŭ kiu « adjektivo substantivigita montras la personon kiu posedas la kunrespondan kvaliton » estas regulo tute arbitra.

Tute same la regulo laŭ kiu « verbo substantivigita montras la agon esprimatan per la verbo » estas absolute neutila, ĉar oni jam scias ke ĉiuj verbaj radikoj aŭ verbaj sufiksoj entenas en si mem la ideon *ag (agi)*, do *skribo* = *ago skrib*, ĉar radiko *skrib* estas verba kaj enhavas en si mem ideon *ag*; simile *kronizo* montras « agon » ne pro tio ke ĝi estas substantivo derivita de *kronizar*, sed tute simple pro tio ke la vorto *kronizo* enhavas la verban sufikson *iz*, kiu enhavas en si mem la ĝeneralan verban ideon *ag*, tiamaniere ke *izo* estas nur speciala *ago*.

Do karaj samideanaj Idistoj, se vi tiom ŝatas regulojn eĉ kiam ili estas neutilaj, konservu viajn regulojn de derivado sed ne diru ke Ido estas la plej facila lingvo : la plej facila lingvo estas tiu kiu havas fonetikan alfabeton kaj nevarieblajn vortelementojn, ĉar tiuj du kondiĉoj estas sufiĉaj por fiksi la pronuncon kaj la signifon de iu ajn vorto sen specialaj reguloj. Kompreneble oni devas lerni la pronuncon de ĉiu aparta litero de la alfabeto kaj la sencon de ĉiu aparta radiko kaj afikso.

## Lasthora aldono.

### Sro Couturat mem konfesas ke la logika senco de « grando » ne estas « granda homo ».

Unu el la malfaciloj de la konkurso proponita de mi estas la starigo de komitato sufiĉe neŭtrala kaj kompetenta por juĝi kaj decidi pri la premio. Mi do proponas ke la juĝantaro estu elektota interkonsente kun la diversaj konkursontoj kaj mi, kaj mi petas ke la personoj kiuj deziras konkursi bonvolu sciigi tion al mi antaŭ la 1a de majo 1911.

Nu la demando estas, ĉu iu deziras konkursi post la artikolo aperinta en la marta numero de « Progreso » (paĝo 60) kaj skribita de Sro Couturat mem.

Jen kion skribis Sro C. responde al miaj kritikoj :

« Estas neutile diskuti pri la vorto *belo* (kun senco de persono) de la *logika* vidpunkto, ĉar ni ĉiam diris, ke ĝi estas nur *konvencionala abrejuro* (interkonsentita mallongigo), pravigata de ĝia oportuneco; kaj pro tio ni ne hezitas diri ankaŭ *dezerto*, *vakuo*, kiuj ne estas personoj sed lokoj. Ni uzas tiun mallongigon « nur se ekzistas nenia dubo, ke oni parolas pri persono » aŭ pri kozo. **Certe « belo » ne signifas per si mem « bela viro »**, sed pro ke oni havas *belino* kaj *belajo* por la ceteraj kazoj, oni povas doni al ĝi tiun sencon *interkonsente*. Mi diris ke adjektivo montras, ne abstraktan *kvaliton*, sed ĉiam *individuon* aŭ *objekton konkretan*, prenante tiun vorton en ilia logika senco, kiu entenas egale personojn kaj kozojn. Oni ne povas serioze aserti ke adjektivo neniam povas fariĝi substantivo : ĉiuj lingvoj kontraŭe uzas konstante adjektivojn kiel substantivoj. Do, nur *nia sistemo* estas konforma al la ĝenerala uzado de la naturaj lingvoj kaj al ilia interna logiko.

L. C.

Post tiu deklaro de Prof. Couturat, ke « la vorto *belo* certe ne signifas per si mem *bela viro* », ŝajnas ke la konkurso proponita de mi fariĝas superflua. Sed ĉu Sro C. bone pripensis pri la konsekvencoj de lia deklaro, kiu ŝancelas lian tutan sistemon de derivado. Ĝis nun oni ĉie distrumpetis ke la Idaj reguloj de derivado, transformis Esperanton en novan lingvon multe pli preciza, scienca kaj logika, en kiu la senco de la vortoj derivataj estas matematike fiksata per tiuj mirindaj reguloj. Sur paĝo 47 de la sama numero de « Progreso », Sro C. diras laŭvorte : « en Ido ni havas nur unu principon ; ĉiu vorto devas enteni ĉiujn elementojn korespondantajn al la elementoj de la ideo esprimota », kaj nun Sro C. konfesas ke la vortoj *belo, grando* estaŝ nur mallongigoj, ke ili ne entenas en si mem la ideon de persono kiu tamen estas unu el la elementoj de la ideo esprimota!

Do, konklude « Ido havas nur unu principon » kaj unu el la ĉefaj reguloj de derivado en Ido estas precize la neniigo de tiu ĉefprincipo!!!

Sro C. pretendas ke li ĉiam diris ke la formoj *belo, grando* ktp., estas nur mallongigoj, dum kontraŭe li ĉiam mokis la Esperantistojn pro la formoj *belulo, grandulo* uzataj de ili, kaj en la oficiala raporto pri la laboroj de la komitato de la Delegitaro (paĝ. 20), li diras : « tio kondamnas la trouzon de sufikso *ul* por substantivigi adjektivojn. Se por adjektivigi ideon konkretan kiel *blind* sufiĉas *a*, por transformi ĝin en substantivon *samsencan* sufiĉas aldoni *o* ». Kaj tamen Sro C. diras nun ke la formoj *belo, grando* estas nur mallongigoj kaj per tio li konfesas ke la ĝustaj formoj estas *belulo, grandulo,* ĉar la sola ideo, kiu ne estas esprimata estas la ideo de persono *(ul)*.

Ŝajnas do, ke la famaj Idaj reguloj de derivado, iom post iom vaporiĝas en « fumuron », ĉar ni montris ĉi supre ke la regulo pri substantivigo de la verboj estas tute superflua, kaj nun ni lernas de Sro C. mem, ke la regulo pri substantivigo de la adjektivoj estas nur « konvencia mallongigo »!

Antido.

P. S. — Koncerne la alian rimarkon de Sro C. laŭ kiuj. « ĉiuj lingvo juzas konstante adjektivojn kiel substantivoj », mi deziras respondi ke tio pruvas nenion ĉar 1e) en la naturaj lingvoj, adjektivoj estas substantivigataj per aldono de artikolo, kiu ĉiam anstataŭas substantivon ne esprimitan, ekzemple : F. *un riche* = *un homme riche*, 2e) eĉ se oni akceptas ke adjektivoj povas esti uzataj kiel substantivoj, tiu derivita substantivo ne montras ĉiam konkretajon kiel pretendas Sro C., sed ankaŭ abstraktajon, ekz. : F. *le beau* aŭ G. τo καλον signifas : la abstraktajo *bel*, kio estas preskaŭ identa je « eco *bel* », do Sro C. ne rajtas diri ke « lia sistemo estas pli konforma al la ĝenerala uzado de la naturaj lingvoj kaj al ilia interna logiko », kaj ĉu Sro C. jam forgesis kion li diris pri la vorto *kroni*, kiam mi rimarkigis al li ke tiu vorto estas « konforma al la uzado kaj interna logiko de la naturaj lingvoj? Li diris : « kio fariĝus la L. J. se ĝi devus sekvi la sennombrajn ekzemplojn de nelogikeco de niaj lingvoj »? Nu la Esp. vorto *kroni* estas multe pli logika ol la Ida vorto *grando*, ĉar *kron-i* signifas « fari la agon karakterizatan per ajo kron », do en *kroni* mankas neniu ĉefa ideo, dum en *grando* mankas la ideo *ul*, kiu estas ĉefa parto de la ideo esprimota.

Koncerne la vortojn *dezerto, vakuo*, oni povas klasi ilin kiel substantivoj, ĉar la derivitaj adjektivoj *dezerta, vakua*, ĉiam signifas *kiu estas dezerto* aŭ *kiu havas kvaliton de dezerto* (dum mi montris ke *granda* ne povas signifi *kiu estas grando*, se *grando* signifas grand homo).

A.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

Sekretariejo : Prof. R. Paillot, *50, Rue Gauthier de Châtillon*, Lille (Francujo).

ESTRARO : [*

por 1909 - 1910.

*Honora Prezidanto :* D-ro L. L. Zamenhof, Varsovio (Rusa-Polujo). — *Prezidanto :* Prof. Ed. Huntington el Harvarda Universitato (U. Ŝ. A.). — *Vic.-prezidantoj :* G-alo Sebert, ano de l'Akademio de Sciencoj (Parizo); Prof. D-ro Köppen, ĉefmeteorologiisto de Germana nacia Mar-Observejo (Hamburgo); Prof. Villareal, rektoro de la Lima Universitato (Peruo). — *Ĝenerala Sekretario :* D-ro R. de Saussure, P-ta Docento ĉe la Ĝeneva Universitato, Ĝenevo (Svis.). — *2a Sekretario :* Prof. C. Bourlet, prof. ĉe Konservatorio de l'Artoj & Metioj, Parizo (Franc.). — *Kasisto :* D-ro Th. Renard, Ĥemiisto, Ĝenevo (Svis.).

KOMITATANOJ :

G-alo Sebert, membro de la Francuja Instituto, Parizo (Franc.). — F. Villareal, dekano de la Scienca Fakultato, Universitato de Lima (Peru.). — H. Pellat, Prez. de la Franca Societo de Fi.iko, Parizo (Franc.). — J. Meazzini, geologiisto, Arezzo (Ital.). — Fournier d'Albe, membro de la Leĝa Dublina Societo, Dublin (Irlando). — R. Codorniu, ĉefinĝeniero de arbaroj, Murcia (Hispan.). — D-ro K. Bein, okulisto, Varsovio (Pol.). D-ro K. B. R. Aars, membro de la Norvega akademio de Sciencoj, Kristiania (Norveg.). — D-ro Kroita, profesoro ĉe la Universitato de Tokio (Japan.). — D-ro E. Fraga, prez. de la Ĉila Esperantista Societo, Santiago (Ĉil.) — D-ro W. Köppen, Hamburg (German.). — Prof. Ad. Schmidt, estro de la R. Magneta Observejo, Potsdam (German.). — D-ro Richard Legge, Mikleover (Derby) (Angl.).

## EKSTRAKTOJ EL REGULARO

§ 1. — Sub la titolo *Internacia Scienca Asocio Esperantista* estas fondita internacia asocio, kiu celas propagandi la internacian helplingvon Esperanto ĉe la sciencularon & faciligi ĝian uzadon per ĉiu manieroj.

§ 2. — Povas aniĝi la Asocion ĉiuj personoj, societoj aŭ sciencaj revuoj, kiuj sin enskribos en la nomaron de la Asocio kiel aliĝantoj al la Deklaracio akceptita en Ĝenevo la 31an de Aŭgusto 1906. (Vidu ĉi sube).

Ilia aniĝo definitiviĝas, nur post kiam ĝi estas akceptita de la Estraro de la Asocio.

§ 3. — La aliĝintaj societoj aŭ revuoj povos esti reprezentataj de siaj prezidantoj aŭ direktoroj aŭ de speciale rajtigitaj delegitoj.

§ 4. — La Asocianoj estas dividataj laŭ 3 kategorioj, nome : honoraj anoj, aktivaj anoj, & neaktivaj anoj.

§ 5. — La *honoraj anoj* estas elektitaj inter la personoj, kiuj faris gravajn servojn por la afero de lingvo internacia.

§ 6. — La *aktivaj anoj* pagas jaran kotizon da almenaŭ 2 ₷ & havas la rajton voĉdoni pri ĉiuj demandoj. Nur ili estas elekteblaj por la postenoj administraj.

§ 7. — La *neaktivaj anoj* pagas nenian kotizon. Ili havas la rajton voĉdoni nur pri demandoj, kiuj ne koncernas la administradon de la Asocio.

§ 8. — Ĉiuj aktivaj anoj, kontraŭ la pago de speciale rabatita abono (2 ₷ anstataŭ 2,75 ₷), povas ricevi la oficialan organon de la Asocio : « Internacia Scienca Revuo ».

§ 15. — La administra laboro estas komisiita al *Internacia Scienca Oficejo*, kiu zorgas pri la korespondado, plenumigas la laborojn & decidojn de la Asocio & konservas la arĥivojn.

§ 16. — La direktado de tiu Oficejo estas komisiita al la Ĝenerala Sekretario, kiu, kun la aprobo de la Administra Komitato, povas aldoni al si unu aŭ pli ol unu konsilajn komitatojn elektotajn inter a Asocianoj.

## Deklaro.

*(voĉdonita dum la dua Universala Kongreso de Esperanto, Ĝenevo, 1906).*

« La subskribintoj, scienculoj, sciencistoj aŭ sciencamantoj opiniante, ke la enkonduko de la konstanta uzado de la lingvo internacia Esperanto en la Scienco multege utilus por faciligi la interrilatojn de scienculoj diversnaciaj & ankaŭ la legadon de la Sciencaj gazetoj, esprimas la deziron, ke :

1e La scienculoj konstante uzu la lingvon Esperanto dum siaj kongresoj.

2e La gravaj internacie disvastigitaj sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto & plie aldonu, al ĉiu artikolo redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon.

La subskribintoj promesas helpi, ĉiu laŭ siaj fortoj, al la efektivigo de tiuj deziroj.

Ili permesas al ĉiu ajn publikigi tiun de ili subskribitan decidon. »

Presejo : Alb. Kündig, 4, rue du Vieux-Collège, Ĝenevo.